# O BRASIL ESPERANTISTA

ORGÃO OFICIAL DA "LIGA ESPERANTISTA BRASILEIRA" — Sociedade de utilidade pública.

NOVA FASE DO "BRAZILA ESPERANTISTO"

Número 85-90 (370-376) | Telegrafa adreso: ESPERANTOLIGO | Janeiro-Junho 1945

Redator responsável: Dr. Carlos Domingues
Telefone — 42.4357

Administração e redação: Praça da República, 54-sob.
Rio de Janeiro. Brasil.

Gratuito para os sócios da Liga.
Eksterlande: Unu dolaro aŭ 15 respondkuponoj.


# DEKA BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO

## RIO DE JANEIRO — DE LA 14a ĜIS LA 22a DE APRILO 1945a



# DEKA BRAZILA KONGRESO DE ESPERANTO

## RESUMO DE LA RAPORTO

En vastega teritorio, kia estas Brazilo, la efektivigo de vere tutlanda Kongreso estas malfacila, ĉar ĝi postulas longan kaj multekostan vojaĝon de multaj homoj, kiuj loĝas tre malproksime de la kongresurbo. Al tiu ordinara malfacilaĵo, oni devis aldoni dum la lastaj jaroj militajn embarasojn, kiam ŝipoj kaj aviadiloj estas uzataj preskaŭ nur por milita servado. Tial inter la Naŭa kaj la Deka Brazilaj Kongresoj de Esperanto pasis preskaŭ naŭ jaroj. La Naŭa efektiviĝis en 1936 kaj la Deka en 1945.

Tamen, tiu tempo ne estas perdita; kontraŭe, la propagando ĉiam pliviĝliĝis kaj tre multaj novuloj aperis en la Deka kun juna fervoro.

La Organiza Komitato laboradis dum pli ol unu jaro kaj ĉiam esperis, ke la kunveno okazos post la fino de la milito, ĉar la plej oportuna tempo por nia Kongreso ja estus post la restarigo de la paco en la okcidenta mondo. Feliĉe, niaj esperoj ne multe trompis nin, ĉar la Kongreso efektiviĝis dum la finiĝo de la milito kaj ni povas libere kaj trankvile dissendi nian raporton al niaj alilandaj samideanoj kune kun niaj gratuloj pro la reveno de la paco kaj nia espero al pli feliĉaj jaroj por la Homaro.

Kiel decas al propaganda Kongreso, nia plena raporto estas en nia nacia lingvo, en libro por vasta enlanda distribuado, eldonota de BRAZILA INSTITUTO DE GEOGRAFIO KAJ STATISTIKO, kiel speciala numero de ĝia oficiala organo "Statistika Revuo". Kaj nur mallongan resumon ni presas en Esperanto por sendi ankaŭ al samideanoj alilingvaj. Sed, malgraŭ la koncizeco de tiu ĉi resumo, oni povos facile konstati, ke Esperanto firme prosperas en Brazilo, same kiel en ĉiuj liberaj landoj; la Kongreso estis brila sukceso kaj komenco de nova epoko ankoraŭ pli prospera por nia granda ideo de interkompreno kaj preparado de mondo pli feliĉa.

La triumfo de la demokratiaj armiloj venkis la plej kruelajn malamikojn de Esperanto kaj liberigis grandajn teritoriojn, kie Esperanto glore prosperadis antaŭ kelkaj jaroj kaj espereble baldaŭ refloros sub la suno de libereco. Neniu alia tempo estus pli oportuna por saluti niajn alilandajn samideanojn kaj sciigi al ili, ke iliaj brazilaj kamaradoj ne perdis la fidon dum la plej teruraj tempoj, sed laboradis eĉ pli energie ol en favoraj jaroj.

"Kaj nin ne timigas la noktaj fantomoj",
"Nek batoj de l' sorto, nek mokoj de l' homoj..."

Antaŭvidinte jam dum la hispana enlanda milito, ke baldaŭ venos la tuteŭropa konfliktego, kiu nin disigos de la Malnova Mondo, ek de la jaro 1937a ni komencis "aŭtarkian" programon: enlandan preparadon de ĉiuj necesaj libroj por daŭrigi la disvastigadon de Esperanto en Brazilo dum serio da jaroj, eĉ se ĉiuj niaj interrilatoj kun la esperantistoj de Eŭropo devos ĉesi. Cetere, ni importadis grandajn provizojn da libroj eldonitaj en Eŭropo, en timo, kiu bedaŭrinde efektiviĝis, ke dum militjaroj ni ne povos ricevi tiajn eldonaĵojn. Dank' al tiu antaŭsento de la alproksimiĝo de la kataklismo kaj al la libroj eldonataj en Anglujo, kiujn ni povis ricevi dum la tuta milito, nia enlanda propagando nenion suferis kaj Esperanto progresadis en Brazilo eĉ pli firme ol en antaŭaj jaroj. Ni permesas al ni skribi tiajn detalajn informojn por komprenigi, ke nia mondmovado neniam pereos, ĉar dum unuj estas devigataj ĉesi la laboron, aliaj, en aliaj lokoj, daŭrigas ĝin kaj la afero iras ĉiam antaŭen.

* * *



*Unua kunsido de la membroj de la Organiza Komitato kaj de la Subkomitatoj, ĉe la sidejo de la Konsilantaro de Geografio, sub la prezido de Ambasadoro José Carlos de Macedo Soares*

*Organiza Komitato*

Jen estas la membroj de la Organiza Komitato de l' Kongreso: S-ro Ambasadoro José Carlos de Macedo Soares — Prez., Prof. Lourenço Filho, S-ino Ana Amélia de Q. Carneiro de Mendonça kaj D-ro Carlos Domingues — vicprezidantoj; S-ro Ismael Gomes Braga — ĝen. sek., D-ro Mário Ritter Nunes, F-ino Maria do Amaral Malheiro kaj Maria da Luz Costa — sekretarioj; S-ro Délio Pereira de Souza — kas. kaj F-ino Irani Baggi de Araújo, helpkasisto.

*Prepara Kunsido*

En la 14a de Aprilo, sub la prezidanteco de S-ro Ambasadoro José Carlos de Macedo Soares, la Organiza Komitato kune kun la kongresanoj kunvenis en la Kongresejo por baloti la Estraron de la Kongreso.

La unua Sekretario de la O. K. D-ro Mário Ritter Nunes, legis la liston de la kongresanoj kaj deklaris, ke jam prezentis siajn rajtigajn dokumentojn la jenaj reprezentantoj:

S-ro José Luiz de Araujo Neto, de la Registaro de Amazonas; D-ro Maurício Coelho de Souza, de la Registaro de Pará kaj Komerca Asocio de Pará; S-ro Virgílio Gualberto, de la Registaro de Santa Catarina; S-ro Ismael Gomes Braga, de Pernambuka Esperanto-Asocio, "Pernambuco Esperantista", Esperanto-Asocio de Rio Grande do Norte kaj Prof. Francisco Valdomiro Lorenz; S-ro Mário Ritter Nunes, de Grupo Esperantista de Florianópolis kaj Brazila Instituto de Geografio kaj Statistiko; S-ro Roberto das Neves, de Kristana Asocio de Junuloj; Inĝ. A. Couto Fernandes, de Brazila Ligo Esperantista, Esperanta Grupo de Bahia kaj Historia kaj Geografia Instituto de Espírito Santo; S-ro A. Caetano Coutinho, de Brazila Klubo "Esperanto"; S-ro Dé-




**Lia Ekscelenco D-ro Getúlio Vargas, Prezidanto de la Respubliko kaj Alta Patrono de la Deka Brazila Kongreso de Esperanto**

lio Pereira de Souza, de Associação Esperantista do Rio de Janeiro; Prof. J. B. Melo e Souza, de Centro Paulista; kaj Inĝ. Aristóteles Juvenal de Faria Alvim, de Historia kaj Geografia Instituto de Minas Gerais.

Post malgranda ŝanĝo en la Regularo de la Kongreso oni devas baloti ĝian Estraron. S-ro A. J. de Faria Alvim proponas, ke oni tion faru per aklamado kaj la kunsidantoj aprobas lian proponon; tial la Prezidanto de Brazila Ligo Esperantista proponas la jenajn kongresanojn:

Prezidanto — Ambasadoro José Carlos de Macedo Soares.
1-a Vicprezidanto — Carlos Domingues.
2-a " — A. Caetano Coutinho.
3-a " — Aristóteles Juvenal de Faria Alvim.
4-a " — Aquiles Lan do Carmo.
Ĝenerala Sekretario — Ismael Gomes Braga.
1-a Sekretario — Mário Ritter Nunes.
2-a " — Alcindo Brito.
3-a " — Osvaldo Leite de Morais.
4-a " — Lacyr Schettino.

Direktoro de la Laboroj — J. B. de Melo e Souza.

Tiu estraro estas aklamita kaj tuj enoficigita. Do la Kongreso jam ekzistas kaj de ties Prezidanto estas invititaj la jenaj kongresanoj por la diversaj komisionoj: Unua Komisiono de Studoj: S-roj Luiz de Azeredo Coutinho, Ismael Gomes Braga, Laŭro Jorge de Oliveira, Obddego Aŭgusto kaj Délio Pereira de Souza. — Dua Komisiono de Studoj: Genésio Pereira Filho, J. B. Melo e Souza, Maria do Amaral Malheiro, Laŭro João Costa, José Gomes Braga kaj Roberto das Neves. — Tria Komisiono de Studoj: Generalo Silveira Sobrinho, Prof. Pôrto Carreiro Neto, Iraní Baggi de Araujo, Kapitano Jorge Firmino Santana, Débora do Amaral Malheiro. — Komisiono de Ekspozicio: Nelson Pereira de Souza, Iracema Álvares Coelho, Haroldo Leite Pinto, Maria da Luz Costa, Onésimo da Costa Faria. Otaviano da Silva Lopes, Rosa do Amaral Malheiro, Maria Carolina Max Fleuiss kaj Gilda Costa Pereira. — Komisiono de Propagando: Carlos Pedrosa, Waldemar Lopes, Waldemar Cavalcanti kaj Raul Lima.

La Prezidanto de la Kongreso enoficigis tiujn komisionojn kaj proponis ke la kunsidantaro aklamu Honora Prezidanto de la Kongreso la Altestimatan Prezidanton de Brazila Ligo Esperantista, D-ron Alberto Couto Fernandes, kies servoj al Esperanto dum jardekoj da apostoleca vivado donas al li la rajton okupi la plej altan oficon en la Estraro de la Kongreso. Tiu propono, farita de Ambasadoro Macedo Soares, estas entuziasme aprobita, kaj la kunsido estas fermita.

Antaŭ kaj post la kunsido la dua Sekretario de la O. K., F-ino Maria do Amaral Malheiro, transdonis al ĉiu alvenanta kongresano lian distingilon.

*Interkonatiĝa Dimanĉo*

En la 15a la kongresanoj veturis kune al la Botanika Ĝardeno por liberaj interparoladoj kaj interkonatiĝo. La tuta dimanĉo estas uzata por personaj interkonatiĝoj kaj vizitoj. Nenia festo, ĉar la lando funebras pro la morto de Prezidanto Roosevelt kaj la tuta programo estas prokrastita.

*Inaŭguroj*

En la 16a antaŭtagmeze, la kongresanaro kunvenas en la Kongresejo, sidejo de la Brazila Historia kaj Geografia Instituto, por tie inaŭguri kongresan Poŝtoficejon kaj Ekspozicion de Esperantaĵoj.

Je la 11a horo estas inaŭgurata la Kongresa Agentejo por la vendado de la du memorigaj poŝtmarkoj, kiujn eldonigis S-ro Generalo Mendonça Lima, Ministro por Publikaj Laboroj. Unu el ili, por aerpoŝto, prezentas la portreton de D-ro Zamenhof, kiun desegnis S-ro Leopoldo Campos, laŭ ordono de Majoro Zeno Zielinski, direktoro de la Ŝtata Monfarejo. Paroladis S-ro Alfredo A. Guimarães, direktoro de l' Poŝto kaj reprezentanto de Subkolonelo Landry Sales Gonçalves, ĝenerala Dir. de la Dep. de Poŝto kaj Telegrafo, kiu permesis la instalon de la Agentejo kaj la uzadon de Memoriga Folio kaj speciala stampilo kun la portreto de la kreinto de Esperanto kaj vortoj en Esperanto. Poste parolis S-ro Rafael Cruz Machado, Regiona Direktoro, la Prez. de BLE, kaj Ambasadoro Macedo Soares, kiu dankis la helpon de la poŝtaj administrantoj de Brazilo al la afero de Esperanto.

Poste oni solene inaŭguras la ekspozicion de Esperantaĵoj. Paroladis S-ro Osvaldo Leite de Morais, ĉefo de la delegitaro de Ŝtato São Paulo, kaj la Prez. de la Kongreso, kiu laŭdis la laboron de la organizintoj de la ekpozicio, reliefigante tiujn de D-ro Mário Ritter Nunes kaj F-ino Maria da Luz Costa, kiuj ne ŝparis klopodojn, kiel sekretarioj de la O. K., en la preparo de la Kongreso.

La ekspozicio, kiu okupis vastan salonon de la Brazila Hist. kaj Geog. Instituto, konsistis el kelkaj dekoj da bildoj kun prospektoj, afiŝoj, gvidlibroj, flugfolioj, glumarkoj, brazilaj poŝtmarkoj kun vortoj en Esperanto, esperantaj ŝlosiloj en diversaj lingvoj, gazetoj kaj kovertoj de la libroj eldonitaj en Brazilo, ĉiuj apogataj sur stabloj, ĝentile pruntitaj de Brazila Filatelia Klubo.



*Inaŭguro de la Poŝta Agentejo ĉe la sidejo de la Brazila Historia kaj Geografia Instituto*




José Carlos de Macedo Soares

**S-ro Ambasadoro José Carlos de Macedo Soares, Prezidanto de la Organiza Komitato kaj Prezidanto de la Deka Brazila Kongreso de Esperanto**







*Pligrandigita fotografaĵo de la du memorigaj poŝmarkoj eldonitaj ĉe la Ŝtata Monfarejo, laŭ permeso de Generalo Mendonça Lima, Ministro por Publikaj Laboroj, bazita sur favora informo de Subkolonelo Landry Sales Gonçalves, Generala Direktoro de la Departemento de Poŝto kaj Telegrafo*

Krom tio, vidiĝis sur tabloj ekzempleroj de la libroj vendataj en la Librejo de la Spiritisma Federacio.

Oni faris filmojn de tiuj du inaŭguroj.

*Solena malferma Kunsido*

Je la 15a horo de la sama tago efektiviĝis la solena malferma kunsido en la honorsalono de Palaco Itamarati, sidejo de la Ministerio por Eksterlandaj Aferoj. La salono estas riĉe ornamita per naturaj floroj. S-ro José Roberto de Macedo Soares, kiu okupis provizore la ministrecon, prezentis siajn deziresprimojn al la Kongreso kaj invitas ties Prezidanton, Ambasadoron José Carlos de Macedo Soares, por preni la prezidantecon de la Kunsido.



*Parto le la prezidanteca tablo ĉe la solena malferma kunsido en la luksa salono de la Palaco Itamarati*

La muzikistaro de la Fajrestingista Korpuso ludas la Brazilan Nacian Himnon.

Laŭ invito de la Prezidanto, eksidis sur la Estrado la jenaj Sinjoroj: Komandanto Alexandrino de Alencar, reprezentanto de Lia Moŝto D-ro Getúlio Vargas, Prezidanto de la Respubliko kaj Honora Patrono de la Kongreso; D-ro Tadeu Skowronski, Ministro de Polujo; S-ro José Luiz de Araújo Neto, reprezentanto de la Registaro de Amazonas; D-ro Aristeu Seixas, reprezentanto de la Registaro de São Paulo; la reprezentanto de la Ministro por Edukado, Monsinjoro Gastão Guimarães Neves, reprezentanto de Ĉefepiskopo de Rio de Janeiro; D-ro Raul Leitão da Cunha, Rektoro de la Brazila Universitato; D-ro Maurício Coelho de Souza, rep. de la Registaro de Pará; Monsinjoro João Barros Uchoa, rep. de la Episkopo de Niterói; Leŭtenanto Luiz de Castro, rep. de la Komandanto de la Fajrestingista Korpuso; D-ro E. Cícero de Faria, rep. de la Brazila Teozofia Societo kaj de la Brazila Kultura Instituto; S-ro Rocha Garcia, rep. de la Brazila Spiritisma Federacio; Inĝ. A. Couto Fernandes, Prez. de BLE, kaj S-ro Ismael Gomes Braga, ĝen. Sek. de la Kongreso.

Ĥoro de 70 ĉarmaj lernantinoj de Kolegio Melo e Souza, en blanka vesto, sur kies brusto vidiĝas verda stelo, sub direktado de Instruistino Branca Maia, bele kantas la esperantistan himnon kaj la marŝon "Antaŭen!" kun akompano de la muzikistaro. Mistikan entuziasmon sentas ĉiuj kongresanoj. La kanto tuŝas la korojn, vibrigas la animojn!

La Prezidanto salutas la reprezentantojn, aŭtoritatulojn, kongresanojn kaj donas la parolon al D-ro Aristeu Seixas, reprezentanto de la Registaro de Ŝtato S. Paŭlo, kiu faras kortuŝan nekrologan paroladon pri la ĵusmortinta Prezidanto Roosevelt, proponante ke antaŭ ol komenci la laborojn la kongresanaro stariĝu silente en res-



pekta omaĝo al la memoro de tiu emi-nenta defendanto de la plej altaj idea-loj de la Homaro, kaj salutas la Kon-greson.

Post la finiĝo de la omaĝo al la me-moro de Prezidanto Roosevelt, paro-ladis S-ro Tadeu Skowronski, Minis-tro de Polujo, pri Zamenhof kaj la lingva signifo en la nacia vivo de la poloj. Polujo estis dividita kaj subpre-mita de fremdaj popoloj, kiuj penis trudi al la poloj siajn lingvojn, sed nur la pola lingvo estis kaj restis li-gilo inter la poloj sub diversaj Regis-taroj kaj tiu sola ligilo konservis la nacian unuecon de Polujo. Tia fakto montris al Zamenhof la gravecon de la lingvo, kiel ligilo inter la homoj, kaj li dum sia tuta vivo penadis por doni al la homoj de ĉiuj nacioj tian komunan ligilon per kiu la Homaro konsciiĝos pri la komuneco de siaj in-teresoj. Tiaj noblaj ideoj nepre ven-kos, emfazis S-ro Ministro. Li reme-morigis la nomon de la eminenta es-perantisto kaj sincera amiko de Bra-zilo, Prof. Odo Bujwid, mortinta en koncentriĝa kampo.

*La Malferma Parolado*

Prof. Raul Leitão da Cunha, Rek-toro de la Universitato de Brazilo, faris la solenan malferman paroladon. Li eldiris historion de la provoj krei lingvon internacian ek de la tempo de Descartes ĝis nun. Li dividis la pro-vojn laŭ kvar grupoj: 1-e. Pasigra-fioj; 2-e. Aprioraj kaj filozofiaj lin-gvoj; 3-e. Aposterioraj lingvoj; 4-e. Miksaj sistemoj. Apoginte sin ĉefe sur la libron de Couturat kaj Leau, li lon-ge esploris ĉiun grupon kaj montris ke de tri jarcentoj la kleraj homoj ne ĉesas peni por solvi tiun gravan pro-blemon, kiu fine solviĝas per la prak-tika laborado de la esperantistoj. Fine li montras, ke la momento estas la plej oportuna por la venko de Espe-ranto kaj tio estas facile farebla, se anstataŭ perdiĝi en teoriaj diskutadoj la homoj praktike laboros por Espe-ranto. Menciante la Konferencojn en Dumbarton Oaks, Ĉapultepek kaj San Francisco, por interkonsenti pri ko-muna mondpolitiko por venki la mi-liton kaj starigi firman pacon, li ci-tas en angla lingvo la vortojn de Sir Richard Gregory: "Inter la gravaj problemoj de internacia speco por esti solvataj nun kaj post la milito, estas tiu de rimedo de esprimo en lingvo fa-cile lernebla kaj uzebla por ĉiuj civi-lizitaj popoloj de la mondo."



*Parto de la multenombra ĉeestantaro ĉe la solena malferma kunsido en la vasta salono de la Palaco Itamarati*

Kaj li finis sian paroladon per la jenaj vortoj:

"Vin elkore salutante, S-roj Kon-gresanoj, mi deziras, ke vi daŭrigu viajn laborojn kun entuziasmo kaj ne-ŝanĝeblaj planoj de kunlaborado, en tia maniero, ke kiam vi fermos tiun ĉi Kongreson, vi estos tute evidenti-gintaj la efektivajn profitojn starigi en ĉiuj civilizitaj landoj la oficialan instruadon de Esperanto.

"Dio inspiru vin por ke la rezultato de viaj laboroj estu brila kaj utila!"

*Salutoj de Reprezentantoj*

Varme salutis la Kongreson en la nomo de BLE S-ro Inĝ. A. Couto Fernandes, ĝia dumviva prezidanto, kiu ankaŭ legis salutajn leterojn de Esperanta Grupo de Bahia, de la Historia kaj Geografia Instituto de Espírito Santo kaj de Pastro Johano Baptisto Kao, fervora ĥina samideano, tiam en Pôrto Alegre. Faris belan salutan paroladeton D-ro Maurício Coelho de Souza, rep. de Ŝtato Pará, kiu



*Fotografaĵo farita, kiam la lernantinoj de la Lernejo Melo e Souza kantis la nacian kaj la esperantistan himnojn*



*Geludintoj de la Komedio "Ne parolu al mi pri tio". Sidantaj F-ino Zezé Pimentel kaj Prof. Everardo Backheuser, aŭtoro de la komedio*

finis ĝin per la jenaj vortoj: "La Registaro de mia Ŝtato alportas sian solidarecon al tiu Kongreso, kaj, kun ĝi, sian deziron servi al la esperantista idealo. De tiu ĉi solidareco, kiu estas nelimigita, de tiu ĉi promeso, kiu estas simpla kaj senpretenda, sed konscia kaj firma, miaj vortoj estas apenaŭ pala esprimo. Tial koncernas al via bonvolemo kompreni la tutan amplekso de nia dediĉo kaj senti la emocion de nia sincereco".

Poste venas la saluto de S-ro Tibor Sekelj, en la nomo de la argentinaj samideanoj, kiu, en bela improvizita paroladeto, en flua kaj eleganta stilo, komprenigis la fratigan mision de Esperanto kaj funde tuŝis ĉiujn korojn; de S-ro Juan de Dio Balderrama Venezuelo, rep. de la boliviaj esperantistoj; de S-ro Délio Pereira de Souza, prez. de Associação Esperantista de Rio de Janeiro, kaj de S-ro Ismael Gomes Braga, en la nomo de Pernambuka Esperanto-Asocio, de "Pernambuco Esperantista", kiu eldonis specialan numeron dediĉitan al la Kongreso; de Esperanta Asocio de Rio Grande do Norte kaj Prof. F. Valdomiro Lorenz.

Fermiĝis la solena malferma kunsido, per ora ŝlosilo, kiu konsistis el elokventaj kaj entuziasmaj vortoj diritaj de iu pioniro de la esperanta movado en Brazilo, Profesoro Everardo Backheuser, kiu rememorigis la unuajn tempojn de la propagando de Esperanto en Brazilo. Tiam la Prezidanto fermas la kunsidon.

Denove la ĥoro de la knabinoj kantas la himnon kaj la marŝon, kiuj estas varme aplaŭditaj. Post la ludado de la nacia himno la esperantistaj disiĝas penante kompreni, ĉu ni sonĝas pri bela estonteco de la mondo, aŭ ni vere estas en la sesa jaro de la dua militjaro. Sed estas longa tempo por tiuj revoj; en la sama vespero estas teatraĵo.

### *Esperanta Teatraĵo*

En la sama 16a, je la 21a horo, la kongresanaro kunvenas en la vastega salono de la Nacia Lernejo por Muziko, kiu plenpleniĝas, kie la junaj geartistoj de la Universitata Teatro, kiujn direktas F-ino Jerusa Camões, devas ludi du komediojn. Unu, en portugala lingvo por propagando de Esperanto — "Ne parolu al mi pri tio", kiu ne nur brue ridigas, sed vekas entuziasmon por la ideo de lingvo internacia. Alia, en Esperanto — "Angla lingvo sen profesoro" —, de Tristan Bernard, kiu transportas nin al lando, kie nur fremduloj ne parolas Esperanton, la lingvon de ĉiuj. Tie fremdulo koleras, krias, blasfemas, malbenas en angla lingvo, timigas la virinojn per siaj stultaj kriegoj, sed neniu komprenas liajn strangajn sonojn... Ludis la unuan komedion la gejunuloj: Zezé Pimentel, Paulo Fortes, Edgard Vasconcelos, Helvécio Alvares, Ary Palmeira kaj Aurélio C. Branco; kaj la duan la gejunuloj: Vanda Lacerda, Zezé Pimentel, Sílio Vaz, Ary Palmeira, Edmundo Lopes, Aurélio C. Branco kaj Wandinha Dias. Malgraŭ tio, ke preskaŭ ĉiuj ludantoj antaŭ du monatoj ne sciis Esperanton, ĉiu el ili bonege ludis sian rolon. La forta aplaŭdado de la multenombra ĉeestantaro elokvente elmontris ties ŝaton.

Inter la du komedioj aŭdiĝis la fama brazila deklamistino Maria Sabina, kiu deklamis la belan poemon "Preĝo sub la verda Standardo"; la poeto Murilo Araújo, kiu deklamis du el siaj poeziajoj; F-ino Mena Lksbeth Gottlieb, kiu ludis fortepianon, kaj F-ino Inah Verney Lindenberg, kiu kantis en Esperanto la kantojn: "Sankta Luĉia" kaj "La Kanto de l' Ekzilo", kies muzikon verkis la karmemora Querino de Oliveira. Ĉiuj estas varme aplaŭditaj.

### *Meso en Ĉefpreĝejo*

La unua renkontiĝo de la esperantistoj en la 17a estas en la Ĉefpreĝejo de Nia Sinjorino de la Gloro, kie, dum Meso, oni kantos kaj predikos en Esperanto. Tiu programero estas neoficiala; ĝi interesas nur la katolikojn, sed nekatolikoj ankaŭ aperis; ĝi estos solena ceremonio, kie Esperanto estos uzata.

Pastro Mariano Plana, hispana esperantisto, en longa kaj inspirita prediko, en Esperanto, montras ke Esperantismo estas perfekte kristana movado, kiel jam deklaris pluraj eminentaj Aŭtoritatuloj de la Katolika Eklezio, tial ĝin aprobas katolikoj. Eĉ du Sanktaj Papoj jam deklaris sian aprobon al Esperanto. Li diras, ke la Eklezio estas progresema kaj Esperanto estas unu el la rimedoj de ĝi uzotaj por konduki la kreitojn al la Kreinto. Li paroladis flue kaj improvizite, en neriproĉebla Esperanta stilo; vere vivanta lingvo!

Li finis la predikon petegante la Dian benon por la laboro de la esperantistoj. Post la Meso, komisiono da esperantistoj vizitis la paroĥestron de tiu Ĉefpreĝejo, lian kanonikan Moŝton Antônio Boucher Pinto, por al li danki la permeson afable donitan al la Kongreso. Li respondis: "El tuta koro mi donis tion, kion mi havis donotan. Mi estas amiko de Esperanto kaj en mia juneco mi ĝin flue parolis."

Kantis en Esperanto f-inoj Yara Álvares Coelho kaj Maria de Lourdes Campelo Ribeiro.

### *Vizito al Aŭtoritatuloj*

Komisionoj da kongresanoj vizitis lian Prezidantan Moŝton S-ron Getúlio Vargas, S-ron Ĉefepiskopon de Rio

de Janeiro, S-ron Ministron por Edukado, S-ron Ĉefurbestron, S-ron Komandanton de la Fajro-Soldatoj, por danki iliajn representadojn ĉe la solena malferma kunsido, la apogojn kaj servojn al la Kongreso.

*Kunveno de la Komisionoj*

Ĉiuj komisionoj kunvenis en la 17a por studi la tezojn kaj proponojn prezentitajn al la Kongreso, antaŭ ol sendi ilin al diskutado en ĝenerala laborkunsido.

Post atenta esplorado de ĉiuj tezoj kaj proponoj, la komisionoj redaktis resumojn por prezenti al la ĝenerala laborkunsido, kie ili devos esti fine diskutataj kaj voĉdonataj. Pri tiuj proponoj ni ree parolos en raporto pri la ĝenerala laborkunsido.

*Vizito de la Beletristika Akademio de Rio de Janeiro*

La Kongreso ricevis la viziton de la Beletristika Akademio de Rio de Janeiro. Prezentante la Akademion, la akademiano kaj kongresano J. B. de Melo e Souza alparolis en Esperanto. La akademianoj atente ekzamenis la librojn kaj gazetojn en la Ekspozicio de Esperantaĵoj kaj eldiris sian entuziasmon pri la progresado de la Esperanta literaturo.

La Prezidanto de la Akademio, S-ro Kolonelo Jônatas Corrêia, Ĝenerala Sekretario de Edukado kaj Kulturo de la Komunumo, salutis la Kongreson kaj gratulis ties organizintojn. Responde, la Ĝenerala Sekretario de la Kongreso dankis la viziton kaj manifestis la deziron, ke la Akademio kiel eble plej multe uzu Esperanton por interŝanĝo de la scio inter ĉiuj popoloj, en tutmonda kunlaborado por plialtigo de la kultura nivelo de la Homaro. Fine la Kongreso donacis librojn al la Akademio.

*Nova kunveno de la Komisionoj*

En la 18a la specialaj komisionoj kunvenis denove por daŭrigi siajn laborojn kaj ĉion pretigi por la ĝenerala laborkunsido. Ĉiuj laboroj estas preparitaj por esti prezentataj al la tuta kongesanaro! Dum la laboraj kunvenoj regalis la kongresanojn per agrablaj mateaĵoj la Nacia Instituto de Mateo.



*Geludintoj de la komedio en Esperanto, de Tristan Bernard, "Angla Lingvo sen Profesoro"*

*Koktel-kunveno*

Sur la pinto de la roko Urca, la kongresanoj kunvenis, (ne por kunsido, ĉar ĉiuj kune restis starantaj), por ĝoja Koktel-kunveno, kiun organizis F-inoj Débora kaj Rosa Malheiro. Ŝerce paroladis S-roj J. B. de Melo e Souza kaj Tibor Sekelj. Intertempe, se oni estus aŭskultinta, oni estus aŭdinta kantojn en Esperanto per gramofono. Tre ĝoja festo, sed oni devas jam kuri, ĉar estas io tre serioza...

*Diservo en Metodista Preĝejo.*

Gvidata de Revº Jesaja Lucassas, efektiviĝis diservo, en la Metodista Preĝejo, por danki la sukceson de la Kongreso kaj peti la Dian helpon al la laboro de la esperantistoj.



*Fotografaĵo farita dum la tagmanĝo oferita de D-ro Henrique Dodsworth, ĉefurbestro, kies portreto vidiĝas flanke de la Prezidanto de l'Kongreso*

Bele kaj longe predikis Rev.º Jesaja Lucassas. Li klarigis, ke la laborado de la esperantistoj plene enkadriĝas en la misio de la Evangeliaj Eklezioj, ĉar ĝi celas la kunfratiĝon de ĉiuj filoj de Dio en unu homan familion. Li finis petante la Dian benon por la Kongreso.

Post la predikinto paroladis Rev.º Enéias S. Pereira kaj Vergílio Guaianás de Sousa pri la identeco de la misioj de kristanoj kaj esperantistoj. S-ro Ismael Gomes Braga deklamis la poemon "Prêgo sub la Verda Standardo", kies tradukon S-ro J. B. de Melo e Souza legis en la portugala lingvo. Fine, en nomo de la Kongreso kaj de ties Prezidanto, la Ĝenerala Sekretario dankis al la Eklezio ĝian altvaloran apogon al la afero de Esperanto.

*Tagmanĝo kun la Urbestro.*

En la 19a, D-ro Henrique Dodsworth, urbestro de Rio de Janeiro, invitis la kongresanojn al komuna tagmanĝo en la grandega restoracio de Praia Vermelha, kie kunvenis peskaŭ ĉiuj kongresanoj kaj manĝis kune kun la Estro de la urba Registaro kaj aliaj aŭtoritatuloj. Dum tiu granda kunveno oni nur manĝis kaj babilis, paroladoj tute ne estis. Oni filmis kelkajn scenojn.

*Ĝenerala Laborkunsido.*

En la granda ĝenerala laborkunsido oni aprobis la raporton de la Prezidanto de Brazila Ligo Esperantista kaj rebalotis ties Estraron, kiu estas jene formata:

Prezidanto — D-ro A. Couto Fernandes (dumviva prezidanto aklamita en la Naŭa Brazila Kongreso de Esperanto.)

Vicprezidanto — Prof. Carlos Domingues.

Ĝenerala Sekretario — Prof. J. B. de Melo e Souza.

Unua Sekretario — D-ro Mário Ritter Nunes.

Dua Sekretario — F-ino Iraní Baggi de Araújo.

Kasisto — S-ro Odilo Pinto.

Estas aprobitaj proponoj kaj tezoj pri la jenaj temoj:

Proponita de D-ro A. Couto Fernandes: "Danko al S-ro Prezidanto de la Respubliko pro lia apogo al la Kongreso."

De S-ro Newton Ceratti: "Danko al S-ro Ministro por Eksterlandaj Aferoj".

De Prof. Everardo Backheuser: "Ke oni eldonu resumon en Esperanto de sciencaj verkoj presataj en Brazilo kaj enkonduku la instruadon de Esperanto en la Fakultatojn de Filozofio."

De Prof. A. Caetano Coutinho: "Ke oni danku al la Geografia Societo de Rio de Janeiro ties grandajn servojn al Esperanto kaj al B. L. E."

De Prof. Carlos Domingues: "Ke oni danku al la Brazila Instituto de Geografio kaj Statistiko la grandajn servojn al Esperanto kaj, precipe, al la Deka Brazila Kongreso de Esperanto."

De D-ro Mário Ritter Nunes: "Danko al la Historia kaj Geografia Instituto, kiu afable cedis sian sidejon al la Kongreso."

De S-ro Zeferino Fernandes: "Danko al Banko de Brazilo pro helpo al la Kongreso."

De S-ro Laŭro João da Costa: "Danko al la Departemento de Gazetaro kaj Propagando."

De S-ro José Reganatti: "Danko al la brazila gazetaro."

De S-ro Nelson Salviati: "Danko al la Departemento de Poŝto kaj Telegrafo."

De S-ro José Gomes Braga: "Danko al la Brazila Spiritisma Federacio."

De S-ro Platão Martins: "Pri lernolibroj de Esperanto por portugallingvanoj."

De D-ro Aristóteles Juvenal de Faria Alvim: "Pri teknikaj vortaroj Esperante-Portugallingve."

De diversaj Kongresanoj: "Manifesto al la Unuigitaj Nacioj."

De S-ro Ronan Castanheira: "Sugestio al la Brazila Registaro por efektivigi en aliaj landoj paroladojn en Esperanto pri brazilaj temoj."

De S-ro José Luiz de Azevedo Neto: "Sugestio al B. L. E. por esplori la eblecon efektivigi en Rio de Janeiro la unuan Tutamerikan Kongreson de Esperanto."

De S-ro Ismael Gomes Braga: "Ke B. L. E. nomu komisionon de Instruistoj por ellabori "Gvidlibron" por la instruanto kaj libron por lernanto de Esperanto."

De S-roj Giovanni Faraco, Eŭgeno Doin Vieira kaj Vergílio Guaianás de Sousa: "Pri starigo de statistikoj pri la Esperanto-Movado en Brazilo."

De S-ro Ismael Gomes Braga: "Sugestio de pluraj rimedoj al B. L. E. por pligrandigi la propagandon de Esperanto en Brazilo."

De S-ro Vergílio Gualberto "Sugestio al la Brazila Instituto de Geografio kaj Statistko, por ke estontaj eldonoj de la "Brazila Jarlibro de Statistiko" estu presataj ankaŭ en Esperanto."

De S-ro Osvaldo Leite de Morais: "Sugestio al la Tutamerika Unuiĝo krei Departementon de Esperanto."

De F-ino Maria Amaral Malheiro: "Pri la efektiviĝo de la XI Brazila Kongreso de Esperanto en São Paulo dum la jaro 1947".

De S-ro A. Couto Fernandes: "Danko al la Direktoro de la Ŝtata Monfarejo kaj ties oficistoj."

De Prof. J. B. de Melo e Souza: "Pri la dissendado de esperantaj libroj al la brazilaj bibliotekoj pere de la "Nacia Instituto de l' Libro."

De S-ro A. Couto Fernandes: "Danko al la Ministro por Publikaj Laboroj, pro la eldono de la du memorigaj poŝtmarkoj."

De S-ro Antônio Vaz: "Danko al la Universitata Teatro."

De F-ino Maria da Luz Costa: "Danko al la Radistacio de la Komunumo, kiu disradiis la ĉefajn paroladojn de la solenaj kunsidoj kaj antaŭkongresajn propagandajn paroladojn."

De S-ro Onésimo de Faria: "Danko al la Radistacio de la Ministerio por Edukado pro ĝiaj ĉiusemajnaj paroladoj pri la Kongreso."

De F-ino Lacyr Schettino: "Sugestio al Banko de Brazilo eldoni ankaŭ en Esperanto siajn verkojn pri statistiko, ekonomio kaj financo."

De D-ro Berguedof Elliot: "Pri Esperanto kaj Internacia Juro."

De S-ro Vergílio Guaianás de Sousa: "Planoj por intensigo de la propagando de Esperanto en Brazilo."

*Viva Gazeto.*

Sub la gvidado de S-ro Tibor Sekelj, efektiviĝis la unua numero de "Viva Gazeto". La redaktoroj legis mem aŭ improvizis siajn artikolojn antaŭ la publiko. La unua numero konsistis el la jenaj verketoj:

Versetoj — de J. B. Melo e Souza.

Aerveturado en Brazilo — de Maria do Amaral Malheiro.

Iom pri la homa socio — de Ismael Gomes Braga.

La Verda Stelo sur la Pinto de la plej alta Monto en Ameriko — de Tibor Sekelj.

Nia Movado en Portugalujo — de Roberto das Neves.

Ŝarado — de la argentinino Maria Reznik kaj Nelson de Sousa.

*Jarcento de Rio Branco.*

En la 20a matene la kongresanoj partoprenis en festo memoriga pri la unua jarcento de la naskiĝo de la glora brazila pacifista diplomato Barono de Rio Branco, kiu sukcesis krei la tradicion solvi ĉiujn internaciajn problemojn per arbitracio, neniam per milito. Rio Branco estas unu el la plej praktikaj preparantoj de mondpaco kaj ricevis honorigajn titolojn de preskaŭ ĉiuj registaroj de sia tempo. Oni festis dum tuta semajno la 100an datrevenon de lia naskiĝo, kaj post la ferma kunsido de la Kongreso ĉiuj kongresanoj vizitis grandan ekspozicion de la internacia dokumentaro preparita de Rio Branco. Tia ekspozicio efektiviĝis en la Ministrejo por Eksterlandaj Aferoj, alnomata "Domo de Rio Branco", kaj la Kongreso estis oficiale invitita por ĝin viziti.

*Prezentado de Filmoj.*

S-ro Ministro por Militaj Aferoj prezentigis en la sidejo de B. L. E. serion de interesaj filmoj de tiu Ministrejo pri diversaj pacaj temoj: vojaĝoj, industrioj, humoraĵoj, kaj ĉiuj tre plaĉis al la kongresanoj.

*Akcepto en la Sidejo de B. L. E.*

En la sidejo de B. L. E. okazis tekunveno oferita al la kongresanoj kaj poste efektiviĝis la ceremonio de la diplomado de novaj profesoroj aprobitaj. Tiam paroladis S-ro Nelson Pereira de Souza en nomo de la novaj profesoroj, S-ro Ismael Gomes Braga en nomo de la instruintoj de la Supera Kurso kaj S-ro Tibor Sekelj pri la respondeco de la novaj gvidantoj de kursoj, kiuj kun la diplomo ricevas ankaŭ la taskon pligrandigi la loĝantaron de nia ideala mondo Esperantujo.

Ricevis diplomojn la jenaj profesoroj aprobitaj:

F-inoj Maria do Amaral Malheiro, Rosa do Amaral Malheiro, Débora do Amaral Malheiro, Iraní Baggi de Araujo, Iracema Álvares Coelho, S-roj Aquiles Lan do Carmo, Osvaldo Leite de Morais, Nelson Pereira de Souza kaj Haroldo Leite Pinto.

Al ĉiu profesoro B.L.E. donacis ekezempleron de la ĵus aperinta "Vortaro Esperanto-Portugala."

*Akcepto ĉe Kristana Asocio de Junuloj.*

En la sidejo de Kristana Asocio de Junuloj efektiviĝis solena kunveno por ricevi la kongresanojn. Ĝin prezidis S-ro Álvaro Neiva, reprezentanto de la Instituto de Pedagogiaj Studoj. Tiam paroladis F-ino Sílvia Jâmblico, S-roj Vergílio Guaianás de Sousa kaj Otaviano da Silva Lopes.

*Vespermanĝo en Kazino de Urca.*

En la 20a vespere, invititaj de la Estraro de Kazino de Urca, tie vespermanĝis, dancadis kaj ĉeestis belan teatraĵon 55 gekongresanoj. La festo daŭris ĝis la dua matene; sed la kongresanoj devas kuri hejmen por iomete ripozi, ĉar en mateno frua ili devos eniri en vagonaron por vojaĝo al la montara urbo Petrópolis.



*Parto de la tagmanĝa tablo ĉe Hotelo Quitandinha en la montara urbo Petrópolis*



*Duono de la kunmanĝantaj ĉe la tagmanĝo oferita de la estraro de Kazino Urca al 55 kongresanoj*

*Ekskurso al Petrópolis.*

Bela duhora vojaĝo suprenveturante majestan montaron. "Dum vojaĝ' regas ĝoj'."

En Petrópolis la tuta urba grupo esperantista nin atendas en la staciejo. José Varanda kaj Aquiles Lan do Carmo gvidas la ekskursanojn al matenmanĝo kaj al ĉiuj zorge antaŭpreparitaj promenadoj. La lokaj samideanoj estas nelaciĝeblaj en sia afableco kaj ne ŝparis penojn nek monon por igi la ekskurson agrabla.

Oni vizitas la urbon kaj la grandan Imperian Muzeon, kie loĝadis iam dum someroj la Imperiestro Dom Pedro II. Tie estas ĉiuj juveloj kaj mebloj de la iama Imperia Familio. Argentina samideano tie vidas je la unua fojo en Brazilo la titolon "Dom", kiun oni tro ofte uzas en hispanlingvaj landoj kaj eldiras hispanan vortludon por moki tiun titolon:

Este "don", Señor Hidalgo,
Parece ser de algodón;
Porque para tener el "don"
Hay que ser primero algo.

Tia vizito al la historia hejmo de la iama Imperiestro longe daŭras, sed jam la stomakoj plendas, ke oni tute forgesis pri io tre grava ankaŭ por idealistoj...

Por eniri en la Muzeon oni devis je la sojlo meti siajn piedojn kun ŝuoj



*Fotografaĵo farita antaŭ la fama Hotelo Quitandinha dum la ekskurso al urbo Petrópolis*

en grandegajn lanajn pantoflojn, kiuj malrapidigas la paŝojn, sed konservas la purecon de la historia planko. Kiam la voĉo de stomakoj aŭdiĝis sian plendon, la kongresanoj flanken ĵetis la pantoflegojn kaj kuris al aŭtomobiloj por veturi al la granda kaj luksa Hotel Quitandinha, kie bongustaj manĝaĵoj atendas jam de longe.

Post sufiĉa manĝado revenas parolemo. En nomo de la geesperantistoj de Petropolis, Prof. Ovídio Cunha, lerneja inspektoro, faras belan paroladon pri la idealoj de nia movado. Respondas en Esperanto S-ro Tibor Sekelj kaj en portugala lingvo S-ro Ismael Gomes Braga. Reprezentis la urbestron S-ro Mário Cunha.

Sed oni estas en grava historia dato por Brazilo. En la 21a de aprilo 1792a estis pendigita la brazila patrioto Tiradentes. La Ĝenerala Sekretario de la Kongreso devas ĝin reprezenti en patriota festo...

Post vizito al la dependaĵoj de la Hotelo la kongresanoj revenis al Rio de Janeiro.

*Vizito al la Esperanto-Asocio de Rio de Janeiro.*

En la 22a matene la kongresanoj estas akceptataj de Esperanto-Asocio de Rio de Janeiro, pro afabla invito de ties Estraro. Paroladis la Prezidanto de tiu Asocio, S-ro Délio Pereira de Souza, kaj la ĝen. Sek. S-ro Octaviano da Silva Lopes. Oni inaŭguris la portreton de D-ro Zamenhof. Respondis en la nomo de la kongresanoj S-ro A. Caetano Coutinho. Ankaŭ parolis S-ro Newton Ceratti.

*Kunveno ĉe la Brazila Spiritisma Federacio.*

Posttagmeze la kongresanoj vizitis la Brazilan Spiritisman Federacion, kie efektiviĝis speciala kunveno. S-ro Wantuil de Freitas, prezidanto de tiu Federacio, bonvenigas la kongresanojn kaj montras malnovajn jarkolektojn de ties oficiala organo, la revuo "Reformador", laŭ kies artikoloj kaj anoncoj pri kursoj oni konstatas, ke jam de la jaro 1909a tiu Federacio kunlaboras kun B. L. E. en la disvastigo de Esperanto kaj tia frata kunlaborado ĉiam kreskas kaj trovas plenan aprobon de la tuta membraro. La Prezidanto emfazas: "Nek eĉ unu voĉo malfavora al Esperanto aŭdiĝis en tiu ĉi domo dum tiu longa tempo; la kunlaborado kun B. L. E. estas unu el la temoj, pri kiuj regas absoluta unuanimeco en tiu ĉi domo."

La Honora Prezidanto de la Kongreso kaj Dumviva Prezidanto de B. L. E., D-ro A. Couto Fernandes, en nomo de ambaŭ — Kongreso kaj Ligo — dankis al la Federacio ĝian persisteman kunlaboradon kun la esperantistoj kaj memorigis, ke la gvidantoj de la propagando de Esperanto ĉe la Federacio estas ĉiam membroj ankaŭ de B. L. E.

Prof. Pôrto Carreiro Neto tiam faris longan kaj erudician paroladon pri la temo "Esperanto en la Afero de Spiritismo". D-ro Aristóteles Juvenal de Faria Alvim, unu el la vicprezidantoj de la Kongreso, laŭdis la agadon de la Federacio por Esperanto.

Poste paroladis en Esperanto la Direktoro de la Propagando de Esperanto en la Federacio kaj Ĝenerala Sekretario de la Kongreso, S-ro Ismael Gomes Braga, kiu klarigis al la nespiritistaj kongresanoj pri la Spiritisma movado kaj ties simpatio al Esperanto kaj fine faris preĝon por fermi la kunsidon, petante la Dian Benon por la tutmonda Esperanto-Movado.

*Solena Ferma Kunsido*

En la Honorsalono de la Ministrejo por Eksterlandaj Aferoj, en la vespero de la 22a, sub prezidanteco de D-ro Leal da Costa, reprezentanto de S-ro Ministro por Edukado, efektiviĝis la solena ferma kunsido de la Kongreso.

La Prezidanto invitas al la Estrado S-rojn A. Couto Fernandes, Honoran Prezidanton de la Kongreso; Ismael Gomes Braga, Ĝeneralan Sekretarion; Prof. Lourenço Filho, Direktoron de la Nacia Instituto por Pedagogiaj Studoj; Leŭtenanton Brito Jorge, reprezentanton de S-ro Ministro de la Milito; Monsinjoron Gastão Guimarães Neves, reprezentanton de la Ĉefepiskopo de Rio de Janeiro; S-ro Eduardo Cícero de Faria, reprezentanton de la Teozofia Societo; S-ron Rocha Garcia, reprezentanton de la Brazila Spiritisma Federacio; Leŭtenanton Herculano Nogueira, reprezentanton de S-ro Komandanto de la Fajro-Soldatoj; Prof. Frois da Fonseca, Direktoron de la Fakultato de Medicino de la Universitato de Brazilo; S-ron Tibor Sekelj, reprezentanton de la Argentinaj Esperantistoj; Generalon A. Damasceno Vieira, prezidanton de la Societo de Beletristikistoj de Brazilo.

Muzikistaro ludas la Brazilan Nacian Himnon kaj la Himnon "Espero."

La Prezidanto prezentas saluton de S-ro Ministro por Edukado, D-ro Gustavo Capanema, kiu ne povis mem prezidi la kunsidon, kiel li deziris, kaj faras saĝajn konsideraĵojn pri la oportuneco de la Kongreso kaj la venkoj de Esperanto.

Li finas sian paroladon per la jenaj vortoj: *"Neniam la atmosfero estis tiel oportuna por la propagando de tiu idealo ol tiu, kiu nun ĉirkaŭas nin. Tial ankaŭ devas esti pli altaj la laŭ-*

*doj, kiujn rajtas Brazila Ligo Esperantista pro la elmontrita oportuneca saĝo, kiam ĝi kunvenigis en tiu ĉi momento la kongreson, kiu hodiaŭ fermiĝas. Kaj tial ni ankaŭ povas antaŭe kredi pri la efikeco de la laboroj faritaj en tiuj ĉi tagoj por la Deka Brazila Kongreso de Esperanto, ĉar ĝi trovis la terenon preparita, por ke ĝermu kaj floru ĝiaj noblaj intencoj.*

*"Per tiuj ĉi vortoj mi havas la honoron deklari, en la nomo de S-ro Ministro por Edukado, malfermita tiun ĉi solenan kunsidon, transdonante al la Kongreso liajn dezirojn, al kiuj mi aldonas la miajn, por ke la sukceso, kiun ni ĉiuj antaŭvidas pri la laboroj kaj agplanoj tie registritaj en tiuj ĉi tagoj, abunde sin konfirmu en la estonteco."*

La Ĝenerala Sekretario de la Kongreso legas aron da salutoj, kiujn la Kongreso ricevis el diversaj landoj kaj fine la jenan mesaĝon de la Prezidanto de la Interamerika Instituto de Statistiko, D-ro M. A. Teixeira de Freitas:

"Ambasadora Moŝto S-ro José Carlos de Macedo Soares, Indega Prezidanto de la Deka Brazila Kongreso de Esperanto.

"Via Moŝto en la nuna momento havas du altvalorajn gvidadojn, kiel samtempa prezidanto de la Brazila Instituto de Geografio kaj Statistiko kaj de la Deka Brazila Kongreso de Esperanto.

"Tiu feliĉa cirkonstanco konfirmas kaj igas jam de nun nedisigebla la kunecon, sub la protekto de via apostoleca persono, de du belaj idealoj de la brazila kulturo. Unu estas la sincera kaj klara objektiveco, kiu devas kondiĉi kaj konservi la homan ordon ne barante renovigan progreson, kiu altigas kaj dignigas la homon. La alia estas la facila interpenetrado ekonomia, intelekta kaj spirita por krei kaj disvastigi superajn statojn de kulturo kaj civilizacio.

"En siaj fundamentoj, la unua nepre estos tasko de la statistiko. La dua, apogata sur la edukado kun tiu celo, ne povas havi alian instrumenton ol neŭtralan lingvon tutmondan. Ambaŭ, kunigitaj, kunigos la popolojn sub regado de frateco, justeco kaj reciprokaj interkompreno kaj estimo. Kaj ili starigos en la mondo la epokon de trankvileco kaj fekunda laborado, kiujn ĉiuj pacemaj Nacioj deziregas.

"Kiel esperantisto kaj statistikisto, mi komprenas tiun idealismon de via Moŝto. Mi ĝin komprenas kaj sentas ke miaj koro kaj spirito altiĝas; ĉar nur tiu idealismo permesos al ni konfide venki la malfacilan tempon, la angorajn tagojn, kiuj baldaŭ venos por restarigi en paco la internacian kunvivadon, kiam ĉesos la milito, kaj oni devos pene rekonstrui kaj sekurigi por la estonteco la nun perdatajn homajn kaj materiajn valorojn, kiujn en freneza detruado kaj mortigado la nuntempa historio registradas, kiel malbenitajn fruktojn de malkompreno inter la homoj, sed kiuj neniel estas mezureblaj nek pravigeblaj.

"Aliflanke, mi pensas pri la bela destino de la Interamerika Instituto de Statistiko, kies prezidantecon mi taksas kiel la plej grandan honoron de mia vivo. Ĝia misio estas alproksimigi la statistikverkistojn, la statistikistojn kaj la ŝtatistojn de la tuta Ameriko, celante koncentrigi — kaj tiel plifekundigi — la klopodojn de nia civilizacio por vera prospereco kaj grandeco de la popoloj, kiuj formas la komunumon de nia duonsfero. Ĝi volas fundamenti kaj fortigi inter la patrujoj, al kiuj la geografia kunvivado donis komunajn destinojn, pacan kaj fratecan sistemon de kunlaborado, kiu jam nun estas kaj tendencas esti ĉiam pli, paralele kun la alia admirinda unuiĝo formita de la britaj landoj, forta elemento por la ekvilibrata kaj justa ordigo de la internacia vivo.

"Antaŭ tiu esperplena perspektivo, do, prave estas al la penso altiĝi kaj postuli esprimilon. Mi devas kaj volas prezenti al via Moŝto, S-ro Ambasadoro, mian elkoran saluton kaj la certigon de mia plej alta estimo al la nobla agado por la homaj konkordo kaj interkompreno, kiuj nun meritas ĉiujn lumojn de la inteligento kaj ĉiujn fortojn de la koro.

"Mi povas atesti, ke ne nur tiu certeco pri la nobla destino de la statistiko en la strukturado de la universala komunumo, kiel ankaŭ la konfido al la nekomparebla rolo, kiun Esperanto estas reprezentonta, en nia kontinenta unuiĝo same kiel en la harmoniigo kaj pliintensigo de la tutmondaj interrilatoj de la popoloj, tiuj ambaŭ konvinkoj jam ekzistas kaj sin trudas kiel kreskanta forto en la koroj de ĉiuj organismoj kaj grupoj dediĉataj al Statistiko en la amerika duonsfero.

"Mi opinias, do, ke min inspiras la kolektivaj ideoj kaj sentoj de ĉiuj partoprenantoj en tiuj grupoj kaj organismoj respondecaj, en nia Kontinento, por la taskoj, kiujn la civilizacio konfidis al Statistiko, kiam mi prezentas al via Moŝto, en ĉi tiu mesaĝo, varmajn gratulojn pro la bonega sukceso de tiu plia bela entrepreno al kiu vi sindonas en la nuna momento. Sed mi volas ankaŭ peti, ke Via Moŝto bonvolu transdiri al la nobla kunveno de vi prezidata miajn plej sincerajn deziresprimojn por ke la komunumo de la Amerikaj Nacioj, ĉiam pli kaj pli solidaraj por la efektivigo de siaj komunaj destinoj, ne prokrastu meti sin sub la bonfaroj de perfekta spirita interkomunikiĝo, dank' al la uzado de la idiomo Esperanto. Tiu idiomo, kiu esprimante la Homan Parolon reunuigitan, jam prezentas sin en sia nekomparebla simbolo — la Verda Stelo — kiel lumturon por konduki denove la Naciojn al la veraj Fontoj de la Vivo, en la brusto de la kristana frateco.

Respektplenajn omaĝojn.

(Subskribite) M. A. Teixeira de Freitas.

Rio de Janeiro, en la 19a de aprilo 1945a."

*Ĉefparolado.*

La ĉefan paroladon de la Solena Ferma Kunsido faris Prof. Lourenço Filho, Direktoro de la Nacia Instituto por Pedagogiaj Studoj.

Li komencis dirante, ke la fermo de la Kongreso ne signifas forlason de la pacaj armiloj, kiujn uzas la batalantoj por Esperanto. Ĝi ne estas ankaŭ nur momento por danki la eminentulojn kaj aŭtoritatulojn, kiuj apogis la Kongreson kaj gratuli ties organizintojn pro la plenumita sukceso. Estas ankaŭ la momento por pensi pri la principoj de la Esperanto-Movado, pri la jam trairita vojo kaj antaŭprepari estontajn venkojn.

Kia fundamenta konvinko nin ĉi tie kunvenigis? Ĝi estas la konvinko, ke lingvo estas la instrumento plej intime liganta la homon al la socia vivo. Sen lingvo ne estas penso; sen lingvo ne estas homa interkompreno.

"Se la kategorio de la homo estas tiu de la spirito, ĝi estas ankaŭ tiu de la lingvo, kiu ebligas al li traduki sian kreantan povon; kiu igas lin kapabla enregistradi sian senĉesan spertadon; kiu donas al li rimedojn etendiĝi en la tempo kaj la spaco; kiu fine kuraĝigas lin al konkero de la infinito... En la kreado de la mondo, same kiel en la kreado de la kulturo, la komenco estas la Vorto."

# "O INGLÊS BÁSICO"

FRANCISCO VALDOMIRO LORENZ

O autor do "Basic English", Dr. C. K. Ogden, apresentando êsse projeto de língua internacional, como se fosse melhor do que o Esperanto, elogia a sua facilidade, porque tem apenas 850 palavras, das quais só 18 verbos. Porém, claro está que uma língua que possui sòmente 850 palavras, não pode servir à poesia (e, com efeito, os seus adeptos declaram que realmente não pode haver poesia no Inglês Básico), nem à ciência e à técnica. Por isso os seus amigos acharam que "para qualquer ramo considerado científico ou técnico, tem-se de aumentar 150 palavras, formando-se assim o vocabulário não de 850, mas pelo menos de 1000 palavras" (André Jensen, autor do manual de *Basic English*, pág. 41.)

Nem assim, porém, o Inglês Básico terá vocabulário suficiente; pois no vocabulário de 850 palavras, acham-se apenas 15 vocábulos referentes a animais: *bee* abelha, *cat* gato, *horse* cavalo, *insect* inseto, *monkey* macaco, *pig* porco, *rat* rato, *sheep* ovelha, *snake* serpente, *fish* peixe, *fly* mosca, *fowl* galinha, *goat* cabra, *cow* vaca, *dog* cão.

Então não se pode nessa língua falar de leão, ganso, elefante, pássaro?! Ou têm-se que usar o respectivo vocábulo "técnico" inglês?

Mas, no número das 850 palavras "básicas" *não* estão incluidos os pronomes pessoais, os adjetivos-pronomes possessivos e outros, os numerais cardinais e ordinais, nem os nomes dos meses, das moedas, dos pesos — tudo isto sendo igual à formas inglêsas. Também as irregularidades gramaticais do inglês passaram ao Básico, sem serem incluidas no dito número das 850 palavras. Assim *foot* pé, *tooth* dente, *man* homem, *woman* mulher, *knife* faca, *leaf* folha, *self* mesmo, *shelf* prateleira, têm que formar o plural: *feet, teeth, men, women, knives, leaves, selves, shelves; this* êste, tem, no plural, *these*, e *that* aquêle, tem o plural *those; who* quem, tem o possessivo *whose*, de quem, e o acusativo *whom* quem; *I* eu, *he* êle, *she* ela, *we* nós, *you* vós, *they* êles, elas, têm as formas de acusativo e as possessivas irregulares: *me, my, mine; him, his; her, hers; us, our, ours; your, yours; them, their, theirs*. Os adjetivos *good* bom, *bad* mau, *little* pequeno, *much* muito, têm os comparativos e os superlativos irregulares: *better, best; worse, worst; less, least; more, most, utmost;* e nenuma dessas irregularidades se encontra no vocabulário.

Também se tem de aprender as palavras "internacionais", em suas formas inglêsas que não se acham no vocabulário de 850 palavras básicas; e neste número estão, por exemplo; *beef* bife, *beer* cerveja, *chorus* côro, *cigarette* cigarro, *club* clube, *coffee* café, *dance* dansa, *hotel*, *post* correio, *theater* teatro, *tobaco* fumo, e até as palavras que designam as ciências e as artes, como: *arithmetic, biology, geography, physics*, etc., etc., os nomes dos paises, rios, cidades, etc. E de tôdas as palavras o estudante tem que aprender a pronúncia e a ortografia inglesas e não internacionais.

Há *sòmente* 18 *verbos* no Básico; os quais, com as formas (tôdas irregulares) do pretérito e do particípio passado atingem o número de 48; porém no vocabulário só se acham as formas do presente. Em vez de ser uma facilidade, número tão restrito de verbos produz dificuldades; não há, por exemplo, no Básico, os verbos *amar, comer, beber, morar*. É preciso dizer-se: ter amor (*to have love*), ter sua comida (*to have one's meal*), tomar bebida (*to take a drink*), estar vivendo (*to be living*).

Não existe no Básico o verbo *receber*, e tem que traduzir-se por *get* obter, ou *have* ter. *Encontrar, achar*, tem que substituir-se por *see* ver. *Rir* é "dar risada" (*to give a laugh*); *sorrir* é "dar sorriso" (*to give a smile*); *imitar* é "fazer uma cópia" (*to make a copy*). Assim, "uma ave que imita a voz humana", é "uma ave que faz cópia da voz humana" (*a bird making copy of human voice*).

O verbo *put* (pôr) serve para eliminar do vocabulário vários verbos; por exemplo: *plantar* é "pôr uma semente na terra" (*to put a seed in the earth*); "banhar uma criança" é "pôr uma criança no banho" (*to put a baby in the bath*); instalar é "pôr cousas numa casa" (*to put things in a house*). Onde fica a necessária exatidão das expressões?

Sôbre o verbo *get* (obter), diz André Jensen: "O verbo *get* é o mais geral, e quasi pode substituir todos os outros. Quando se está em dúvida, recorre-se ao *get*. Êste recurso é *riqueza única* da língua inglêsa, não existindo em qualqer outro idioma." — Bonita riqueza! Em inglês já se pode usar o dito *get* com as significações de obter, alcançar, pegar, apanhar, agarrar, ganhar, grangear, adquirir, perseguir, conseguir, arranjar, preparar, persuadir: *to get a cold* = resfriar-se; *to get a stomach* = estar com apetite; *to get bread* = ganhar o pão; *to get by heart* = decorar; *to get drunk* = embebedar-se; *to get friends* = grangear amigos; *to get rid of* = livrar-se de algo. etc., etc.

O Básico usa também as *contrações* inglêsas dos verbos *be*, *have* e *will;* por exemplo: *I'm, I've, I'll, you're, you've you'll,...* em lugar de *I am* eu sou, *I have* eu tenho, *I will* (partícula do futuro, primeira pessoa do singular), *you are* vós sois, *you have* vós tendes, *you will...* Estas contrações, com as formas negativas, exigem que o estudante aprenda, além de tudo, ainda 36 novas formas gramaticais; e há, em alguns casos, ambigüidade de significação; por exemplo: *she's a good daughter*, pode significar: ela *é* uma *boa* filha; ou: ela *tem* uma boa filha.

*Perdoar* não se acha no vocabulário; nos textos dos exercícios encontrei: *excuse*, como se fosse palavra internacional com o significado igual ao de "perdoar", o que não é exato, pois em português *excusar* significa, além de "desculpar", dispensar, isentar, não carecer, evitar; e não é palavra internacional, porque não é compreensível aos alemães, dinamarqueses, suecos, russos, polonos, etc., etc.

Poderiamos ir muito longe ainda, apontando os defeitos do Inglês Básico; julgamos, porém, que o leitor inteligente, já pelo que expusemos, ficará convencido de que êsse dialeto inglês nunca poderá ser aceito como língua verdadeiramente internacional, porque lhe faltam: a clareza, a verdadeira facilidade e a necessária riqueza, além da neutralidade. (*) O Esperanto apresenta tôdas estas qualidades que faltam ao Inglês Básico; pois tem ortografia fonética, pronúncia igual à grafia; vocabulário simplificado, composto de raizes internacionais ou, onde isso é impossível, escolhidas das prin-

---

(*) Bastaria essa última falta para barrar-lhe todo futuro. Sem neutralidade, encontra a repugnância legítima dos outros nacionalismos que lhe impedirão o progresso. A primeira condição para um projeto de língua internacional é sua absoluta neutralidade que a ninguém ofenda e a todos sirva em pé de igualdade.

# ESPERANTO EM BRAZILO

**Doris Tappan Connor**

*Tiu ĉi raporto estas tre oportuna pro la baldaŭa Deka Brazila Kongreso de Esperanto efektiviĝonta en Rio de Janeiro en aprilo de 1945a. Ĉiuj usonaj esperantistoj devus helpi la Kongreson aliĝante kiel kongresanoj.*

Estis precize krepuskiĝante kiam nia ŝipo eniras en la havenon de Rio de Janeiro. La rondo de lumoj ĉirkaŭ la golfeto briladas kaj fajreradas kvazaŭ kolringo el diamantoj. La malhelaj formoj de la najbaraj montoj "Sukerpano" kaj "Korkovado" dube reliefiĝas kontraŭ griza ĉielo. Alte sur Korkovado brilas granda kruclumo de la monumento de Kristo Redemptoro. Ĝi ja estas la plej bela haveno en la mondo!

Sed ni venis Brazilon ne nur por admiri ĝian naturan belecon. Ni venis ankaŭ por viziti la brazilajn esperantistojn. Kiam la ŝipo endokiĝas, jam estas nokto, kaj pluvegadas senĉese! Ĉu ni povus esperi atendadon de Rio-Esperantistoj en tiu diluvo? Mi hezitadis malpacience en la ripozejo de la ŝipo, kun granda verda stelo elstare alpinglita al mia jako.

Subite mi ekvidis mezkreskan, viglan, malhelharan sinjoron eniri tra flanka pordo. Liaj okuloj ankaŭ ŝajnas esti serĉantaj — ne rigardante ĝuste vizaĝojn, sed esplorante brustojn de jakoj. Tiam mi vidis lin! Li ankaŭ portis verdan stelon! "Tiu, mi pensis, estas Ismael Gomes Braga", kaj mi paŝis al li. Samtempe li rimarkis mian stelon, kaj ni tuj manpremis. "Ĉu vi estas S-ro Braga?" — "Jes, jes, fraŭlino; bonvenon al Brazilo." S-ro Braga estis veninta per polica boato por renkonti nin eĉ antaŭ ol ni atingis la bordojn de lia lando.

Intermite la pluvo falis, sed kiam ni elŝipiĝis, grupo da esperantistoj bonvenigis nin. Ni tuj komencis babiladi en Esperanto — kun plena kaj facila interkompreno. Estis salutoj kaj prezentadoj, fotografadoj kaj gajaj ŝercoj. Ridante oni avertis min, ke mi estu



*S-ino Doris Tappan Connor, kiam ŝi en Rio de Janeiro, tiam ankoraŭ F-ino, vizitis la Botanikan Gardenon kune kun diversaj gesamideanoj.*

certa unue paŝi sur la teron per la dekstra piedo — ĉar tio donus al mi feliĉon en Brazilo. Fine, kiam ni adiaŭs por dormi, mi estis iniciatita en la ĉarma brazila maniero saluti kaj adiaŭi amikojn: unu brakon ĉirkaŭ la ŝultron (preskaŭ ĉirkaŭpreno, mi konsentas) kaj tri frapetojn sur la dorson.

La tagoj en Brazilo estis plenaj kaj interesaj. Ni vizitis esperantistojn en iliaj kluboj kaj hejmoj. Ĉie ni diskutadis ĝeneralajn aferojn pri Esperanto kaj senpere konstatis la vastecon de la Esperanto-movado en Brazilo. Tio okazis antaŭ kvar jaroj — en la ĉarma somero de 1941a — kaj la Esperanto-movado en Brazilo firme progresadas.

..........................................................

..........................................................

La Loka Kongresa Komitato por la Deka Brazila Kongreso de Esperanto enhavas multajn nomojn de esperantistoj, kun kiuj ni havis la plezuron konatiĝi, kiam ni estis en Brazilo. La nomo de unu el la sekretarioj, Maria Malheiro, rememorigas al ni unu el niaj plej belaj tagoj en tiu ĉarma lando. En dimanĉa posttagmezo ni estis invititaj kiel gastoj de la familio Malheiro al ties bieno, proksime de Rio.

Sur malantaŭa seĝo mi pendas de rimeno, kiun mi tenegas kun vigla amo al la vivo, dum la aŭtomobilo kirle rulas kaj nin skuas, kaj Maria montras al mi bananarbojn sur la flanko de la monto, la kotonarbojn, boskon da papajoj kaj mangarboj. Ni apenaŭ estas alvenintaj en la bienon, kiam nia gastiganto, D-ro Malheiro, invitas nin por eliri kaj gustumi la variecon de oranĝoj en la plantaĵo. Kiel entreon en piknika tagmanĝo, ni manĝis ĉirkaŭ dek malsamajn, bongustegajn oranĝojn dolĉajn kiel mielo! Estis rajdado sur brazilaj ĉevaletoj kaj multaj aliaj amuzaĵoj.

Malfrue, kiam krepusko ekvualis la valon, ni promenadis sur la paŝtejo, kaj Maria parolis sopirece, penseme, pri siaj lando kaj popolo: "Tiu ĉi estas la horo, kiun ni brazilanoj nomas la "tempo de la saŭdadoj". Ĝi estigas senton de malĝoja sopirado kaj nostalgio. Tion signifas "saŭdado" en brazila lingvo".

La purpura nebulo, la malhelverda oranĝa bosko sur la supro de la monteto, la klukado de moviĝemaj kokinoj arанĝantaj sin por la dormado, ankaŭ al mi alportis "saŭdadojn".

Kaj nun... Ho... mi havas saŭdadojn de Brazilo!

(*El "American Esperantist", Jan-Feb*, 1945, *trad. I. G. B.*).

---

### LA LIBRO DE LA SPIRITOJ

En la jaro 1942a la Librejo de la Spiritisma Federacio malfermis konkurson por la plej bona traduko esperanten de la libro de Allan Kardec "La Libro de la Spiritoj", kiu devus esti farata el la franca originalo. La milito ne permesis, ke eŭropaj esperantistoj partoprenu la konkurson. Tamen aperis tri tradukoj, kies aŭtoroj sin prezentis sub la pseŭdonimoj "Verdstelano", "Iziti" kaj "Hufladoy". La juĝanta Komisiono, elektita de IEL kaj BLE, konsistis el S-roj A. Caetano Coutinho kaj D-ro Carlos Domingues, kiu post konscia studo prezentis sian raporton al la direktantaro de la Federacio. Ĝi konkludis ke, laŭ la lingva vidpunkto, la du unuaj estas kune klasigitaj en la unua vico. Malferminte la kovertojn, oni konstatis, ke la veraj nomoj de la du unuaj tradukintoj estas D-ro Luiz Pôrto Carreiro

---

cipais línguas indoeuropéias; não tem nenhuma irregularidade; possui a faculdade de formar muitíssimas palavras por meio de afixos e de justaposição. A chave do Esperanto contém, mais ou menos, 1800 palavras, das quais 75% (isto é, 1350) já são conhecidas de qualquer indivíduo de mediana instrução; e qualquer texto em Esperanto pode ser imediatamente compreendido com o auxílio da referida chave. Além disso, o Esperanto já possui uma rica literatura que contem obras de ciências, de religião, de beletrismo, de poesia, etc,

## Vintro

Amplekse sterniĝas sur la ĉielo,
kvazaŭ mantelo, plej griza nebul'.

Tiuj tagoj helaj,
tiuj noktoj stelaj
pasis for.

Povas ne suno rigardi la homojn
nek ties domojn ja dolĉe varmigi.

Ĉar la Vintro venis,
ĉio ŝajne svenis
en angor'.

Birdoj ne kantas, ne floras ĝardenoj,
neĝaj fadenoj disflirtas ja ĉie...

Tiel oni restas,
kvazaŭ Vintro nestas
en la kor'.

*Faber Minimus*

---

## La letero

Dio skribas al Si mem
Mirindajn leterojn!
Per la orumita suno,
Sur la blua papero de l' senfino,
Li estas skribanta, per lumaj literoj,
Miregindaĵojn de beleco!
Sen artefaraĵo nek fiereco,
Kiel de egalulo por egalulo,
Li estas diranta Sian brilegecon,
Sian senmezuran grandecon!
Sed... la dian leteron
Li ne kompletigas, fine.
Ĉar, nokte, la inkujo
Renversas sur la ĉielon,
Kaj la inko disverŝas tra la travideblecon
De la granda blua folio.
Serene,
Je pacienco plena,
Vidinte tiom da aĝoj belaj perditaj
En la abismo de densa mallumo,
Dio tiam
Eksekigas la nefinitan leteron
Per la brila sablo de l' steloj...

BEATA OBERTYNSKA
*pola poetistino*

---

Neto kaj S-ro Ismael Gomes Braga, kiuj ricevis poduone la promesitan premion. La tria, kiu estas S-ro Victor Luiz Cao, el Montevideo, ankaŭ ricevis monan premion. Laŭ decido de la Federacio, la Librejo eldonos la tradukon de D-ro Luiz Pôrto Carreiro Neto. Ni gratulas la Federacion pro la bona rezultato de la konkurso.

# Prece sob o verde estandarte

(*PREĜO SUB LA VERDA STANDARDO*)

*de L. L. ZAMENHOF, tradução de J. B. Mello e Souza*

Ó! Vós, misteriosa e incorpórea Entidade
No mundo infinito reinante;
Ó! Vós, fonte imensa de Amor e Verdade,
E fonte de Vida constante;
Ó! Deus, Ser que em vão compreender presumimos,
Porém que igualmente nas almas sentimos,
Creador cujo império nos céus transparece,
Ouví nossa prece!

A Vós não trazemos dissídios antigos,
Nem dogmas de cegas facções;
Cessadas as lutas, aqui, como amigos,
Só devem se ouvir corações;
Com a crença sincera que à mente nos fala,
A crença que a todos os homens iguala,
Nós vimos agora, de todos os lares,
Aos vossos altares!

Os homens creastes felizes, na Terra,
No entanto, os divide o rancor;
Os povos se agridem ferozes, em guerra,
O irmão fere o irmão com furor...
Ó! Deus poderoso, Ó! Deus de bondade,
Ouví dos humanos a dor, a ansiedade,
Que cessem discórdias e o ódio voraz,
E dai-nos a paz!

Em prol da concórdia, juramos, veementes,
Unir, para sempre, as nações;
Ó! Deus, concedei-nos as fôrças ardentes
Que vencem do mal as paixões;
Lançai vossa bênção aos nossos labores;
Juntai vossa graça aos nossos fervores,
Que em breve o triunfo há de vir, afinal,
Ao nosso ideal!

O Verde Estandarte bem alto elevemos,
Emblema da paz e do bem;
As bênçãos e o amparo de Deus nós teremos,
E a nossa esperança também;
Que por entre os povos a Verde Bandeira,
Destruindo dos ódios a forte barreira,
Fará que vejamos o Amor mais fecundo
Reinar sôbre o mundo.

---

Trecho de uma carta do Sr. **Omando Holanda Cavalcanti** dirigida à Liga Esperantista Brasileira, em 2 de Março de 1945.

"Quando, dadas as circunstâncias do momento, a língue inglesa se tornou quase uma cousa epidêmica, eu, ao contrário da grande maioria, voltei as minhas vistas para a língua criada pelo genial Doutor Zamenhof. E, cada dia que passa, vou reconhecendo que o Esperanto é, incontestávelmente, uma língua racional, simples, atraente e bela. E' uma língua que não entedia, como as demais, porque, sendo regular, não cansa. A liberdade de colocação dos pronomes e da construção das frases; a riqueza de poder criar novas palavras, tendo apenas uma; o caso do acusativo e as diminutas regras, tudo concorre para a grandeza do Esperanto. Só um gênio podia tê-la idealizado. Estou, deveras, entusiasmado com a língua que considero a mais lógica das que cheguei a estudar. E, assim, nas minhas horas de folga, pois sou funcionário do Departamento Estadual de Estatística, me dedicarei ao aprendizado do Esperanto, custe o que custar".

# Pastro D-ro João Batista Kao Se-Tchien O. F. M.



*Pastro D-ro João Batista Kao Se-tchien. O. F. M.*

La vizito de la klera ĉina pastro D-ro João Batista Kao, franciskana misiisto, estis tre valora por la propagando de Esperanto. Inteligenta kaj scipovante la internacian lingvon li ne preterlasis la plej malgrandan okazon por ĝin propagandi. Bone konante la homan psikologion li donis saĝajn konsilojn.

En Recife, kie li estis kore akceptita de la "Pernambuka Esperanto-Asocio", li faris tri paroladojn, el kiuj unu organizitan de tiu ĉi asocio, dum kiu li uzis Esperanton kaj la portugalan kaj la ĉinan lingvojn. Prezidis la kunvenon D-ro Aguinaldo Lins, prez. de la asocio, kiu prezentis Pastron Kao al la multenombra ĉeestantaro. Salutis lin S-ro Moacir Cunha, en la nomo de la asocio, kaj F-ino Artemisa Vidal de Araujo, de "Pernambuco Esperantista". Dankinte la salutojn Pastro Kao paroladis pri la religioj en Ĉinujo kaj donis interesan lecionon pri la ĉina lingvo kaj deklamis poemojn en tiu ĉi lingvo.

Ĉiuj lokaj gazetoj detale skribis pri tiu okazintaĵo. Dum la tagmeza ĵurnalo de "Radio Clube de Pernambuco", la ties sekretario S-ro Mário Libânio, disradiis belan kronikon pri la kultura misio de Pastro Kao.

Ĉar ne estis al li eble viziti la ĉefurbojn Natal kaj Salvador, li ne povis esti akceptita de la tie loĝantaj geesperantistoj, kiuj lin atendadis kun granda ĝojo. En Natal la gazeto "A República" publikigis artikolon pri lia vizito al Brazilo.

Ĉe la alveno de Pastro Kao al Rio de Janeiro li estas akceptita en la aviada alteriĝejo de komisiono de BLE konsistanta el S-ro A. Couto Fernandes, Carlos Domingues, Délio Pereira de Souza, Nelson Pereira de Souza kaj F-ino Iracema Álvares Coelho. Dum lia restado en Rio li faris diversajn paroladojn, el kiuj unu organizitan de BLE, kiu okazis ĉe la "Aŭditorio" de la Brazila Gazetara Asocio, ĝentile cedita de ĝia prezidanto, S-ro Herbert Moses. Prezidis la kunsidon S-ro A. Couto Fernandes, prez. de BLE, kaj sidis ĉe la prezidanteca tablo Franciskano João Capistrano, reprezentanta la Monaĥejon Sankta Antono, la paroĥestro de Natal, S-ro A. Caetano Coutinho, prez. de BKE, S-ro Délio Pereira de Souza, prez. de "Associação Esperantista de Meyer", kaj S-ro Ismael Gomes Braga, kiu prezentis Pastron Kao al la multenombra ĉeestantaro. Tiu ĉi faris interesan kaj tre dokumentitan paroladon pri "La Rekonstruo de Ĉinujo", kiu estas varme aplaŭdita. Poste li diris kelkajn vortojn pri la esperantista movado en Ĉinujo kaj donis lecionon pri la ĉina lingvo. Preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj parolis pri tiu okazaĵo.

Pastro Kao vizitis dufoje la sidejon de BLE, kie li havis okazon interparoladi kun diversaj geesperantistoj. S-roj Couto Fernandes kaj Carlos Domingues vizitis lin diversfoje ĉe la Monaĥejo Sankta Antono. La Organiza Komitato de la Deka Kongreso oferdonis al li membrokarton, kiun li kore dankis.

Ricevinte de klera katolika pastro dek demandojn pri Esperanto kaj Katolikismo, li plenumis ilin kaj aperigis, sur la kolonoj de "O Globo", liajn respondojn sub la formo de intervjuo.

Li ankaŭ vizitis la ĉefurbon Belo Horizonte kaj la urbon Juiz de Fora, ambaŭ el Ŝtato Minas Gerais. En la ĉefurbo li faris diversajn paroladojn, el kiuj unu en Esperanto ĉe la "Societo de Inĝenieroj el Minas Gerais", kiun prezidis D-ro A. Juvenal de Faria Alvim. La parolado temis pri "La esperantista movado en Ĉinujo kaj en la mondo". Prezentis lin al la ĉeestantaro D-ro Faria Alvim. Ĉe la fino de la parolado S-ro Cândido Ubaldo Gonzalez proponis, ke oni restarigu la "Montaran Esperanto-Klubon", kiu antaŭ longe multe laboris por Esperanto. Tiu ĉi propono estas varme aplaŭdita. Invitite por ĉeesti la ĝeneralan kunsidon, kie oni efektivigos tiun proponon li, bedaŭrinde, ne povis plenumi tiun deziron, ĉar li devis reveni al Rio de Janeiro.

Kelkajn tagojn poste ni eksciis ke la du grupoj en Belo Horizonte fondiĝis sub la nomo "Esperanto-Klubo Azeredo Coutinho". Tiu grava fakto estas frukto de la vizito de Pastro João B. Kao.

Pastro João Batista Kao alvenis en São Paulo je la 8a de Marto 1945a. kaj restis en tiu ĉi urbo dum 12 tagoj.



*Fotografaĵo farita dum la parolado de Pastro João Batista Kao en Pôrto Alegre, ĉefurba de Ŝtato Rio Grande do Sul*

Tuj kiam li alvenis, li vizitis S-ron Osvaldo de Morais kaj ili kune promenadis tra la urbo kaj vizitis la plej gravajn ĵurnalojn, kiuj treege interesiĝis pri lia persono kaj pri la celo de lia misio. Preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj intervjuis kaj fotografis lin diversfoje. En la sekvinta tago, 9a de Marto nokte, la estraranoj de S. Paŭlo Esperanta Klubo vizitis lin ĉe Monaĥejo "S. Francisco", kie li gastiĝis. La Prez. de SPEK prezentis lin al la aliaj kunestranoj kaj dum preskaŭ unu horo oni diskutadis en Esperanto pri diversaj temoj, ĉefe pri la esperanta movado en Ĉinujo. Krom diversaj prelegoj portugallingve faritaj, li ankaŭ, sub la aŭspicoj de S. P. E. K., paroladis en Esperanto pri la temo "La Rekonstruado de Ĉinujo". Okazis tiu prelego je la 17a de Marto, ĉe la aŭditorio de la "Urba Biblioteko", kies direktoro, D-ro Sergio Milliet, bonvole ĝin cedis por tiu celo. Ĉeestis la kunvenon preskaŭ 300 personoj, kiuj atente aŭdis lian interesan esperantlingvan paroladon. Plenumante la peton de la ĉeestantaro, pastro Kao mallonge skizis la nunan staton de Esperanto en sia Patrujo kaj rapide donis malgrandan lecionon pri la ĉina lingvo. Je la 20a de Marto li reveturis Rion. Lia vizito al São Paulo multe kontribuis por pli granda disvastiĝo de nia lingvo kaj al li parte ni ŝuldas la grandan intereson alvokitan al S. P. E. K., kies anoj plinombriĝas ĉiutage.

Forveturinte el Rio de Janeiro Pastro Kao vizitis la urbon Pôrto Alegre, ĉefurbon de Ŝtato Rio Grande do Sul, kie li estis akceptita de la tieaj esperantistoj. Tie li faris diversajn paroladojn en portugala lingvo kaj unu en Esperanto ĉe la sidejo de la veterana "Sudbrazila Esperantistigilo", kies prez. estas D-ro Benjamin Camozato. Tiu ĉi parolado havis grandan sukceson, ĉar por lin aŭdi alkuris granda nombro da esperantistoj kaj simpatiantaj al la esperanta movado. Al tiuj ĉi Pastro Kao alparolis en portugala lingvo invitante ilin por lerni Esperanton.

Poste nia ĉina samideano faris mallongan viziton al Pelotas kaj Jaguarão kaj forveturis al Montevideo.

---

### NEŬTRALAJ GRUPOJ

Pastro João Batista Kao, dum vizito al Belo Horizonte, invitite por prezidi kunsidon, en kiu fondiĝos "Esperanto-Klubo Azeredo Coutinho", kiu sub neŭtrala fundamento kunigos ĉiujn lokajn esperantistojn, kaj devigate reveni al Rio de Janeiro skribis al S-ro Cândido Ubaldo Gonzalez, membro de la Komisiono lin invitinta, leteron, el kiu ni elĉerpis la jenan saĝan konsilon:

"Dum mia vojaĝo tra Eŭropo kaj Ameriko, mi spertis kaj observis ke nia movado necesas la grupojn Esperantistajn *sur la neŭtrala fundamento* en ĉiu lando kaj en ĉiu granda urbo. Ĉar tiuj grupoj povas unuigi ĉiujn samideanojn sen distingo religia aŭ politika, kaj tiel kreas forton por la movado. Ni Esperantistoj, ni devas esti unuigitaj ĉiam, kaj kunlabori kore kaj unuanime por disvastigi Esperanton. Propagando kaj praktikado de Esperanto estas nur sola objekto de la Esperantistaj grupoj neŭtralaj, kaj la samideanoj, membroj, konservas sian propran konvinkon politikan aŭ religian por si mem kaj ne diskutas pri ĝi. Mi estas certa ke la fondota Grupo Coutinho donos al nia afero Novan Vivon en Belo Horizonte."

La estraro de BLE samopinias kiel la klera samideano Pastro Kao. Ĝi pensas, ke la fondo de neneŭtrala grupo esperantista en loko, kie ne ekzistas neŭtrala asocio, anstataŭ helpi la propagandon povas okazigi miskomprenon pri la celo de la kreitaĵo de Zamenhof.

## VERA ESPERANTISTO

Esperantujo bezonas verajn Esperantistojn same kiel diversaj nacioj bezonas verajn civitanojn.

Vera Esperantisto distingiĝas de la Duon-Esperantisto per sia amo kaj sindono al la movado.

Vera Esperantisto estas konvinkita idealisto.

Li perfekte scias la fundamenton de la lingvo kaj firme ĝin tenas kaj ne atentas la susurojn pri la reformo.

Li uzas Esperanton en ĉiuj okazoj. Li legas Esperantajn librojn kaj abonas Esperantajn gazetojn, oficialajn aŭ kulturajn. Li aliĝas al la Esperantaj organizoj kaj ĉeestas la kunvenojn kaj partoprenas Esperantajn kongresojn por praktiki la lingvon kaj progresigi la aferon. Li korespondas kun la samideanoj de aliaj landoj per Esperanto por akiri informojn utilajn kaj sciojn, kaj por kreskigi la fratecon kaj amikecon inter la samideanoj diverslandaj.

Vera Esperantisto neniam forgesas disvastigi la lingvon. Li parolas pri Esperanto dum la konversacioj kun amikoj. Li disdonigas Esperanton en la kluboj kaj asocioj kies membro li estas. Li verkas artikolojn pri Esperanto en la lokaj aŭ naciaj gazetoj, se li povas; li disdonas Esperantajn flugfoliojn kaj propagandilojn inter la konatuloj. Ĉiam kaj ĉie, li diligente kaj diskrete semas la ideon pri la mondlingvo.

Vera Esperantisto kondutas laŭ la spirito de la "interna ideo" de la Universala Harmonio kaj interpopola fratiĝo. Lia patriotismo Esperantista estas Homaranismo. Li ne celas propran profiton nek disputas pri la bagateloj. Li volonte oferas sian tempon, monon kaj energion al la movado. Kaj li kredas je la fina triumfo de Esperanto.

("El *"American Esperantist"*. *Verkita de* Pastro J. B. Kao. *Julio* 1944, *Nov-Jorko*)

---

## BRAZILA KLUBO "ESPERANTO"

Je la 26a de Majo lasta okazis ĝenerala kunsido de la veterana Brazila Klubo "Esperanto", dum kiu oni reformis ĝian Regularon kaj balotis novan estraron, konsistantan el la jenaj personoj: S-ro A. Caetano Coutinho — prezidanto, S-ro Antônio José Vaz — vicprezidanto, F-ino Maria do Amaral Malheiro — ĝenerala sekretario, S-ro Onésimo Faria — unua sekretario, F-ino Maria da Luz Costa — dua sekretario, F-ino Debora do Amaral Malheiro — bibliotekisto, S-ro Getúlio Soares de Araújo — kasisto kaj S-ino Carolina Vaz — socia direktoro.

Oni elektis ankaŭ ĝian Konsilantaron, kiu konsistas el: F-ino Irani Baggi de Araújo kaj S-roj D-ro Carlos Domingues, Generalo José A. Silveira Sobrinho, Ismael Gomes Braga, D-ro Leonel Gonzaga da Fonseca, Armínio de Morais, D-ro Teófilo de Almeida, D-ro Fernando A. de Almeida Brandão, D-ro Mário Ritter Nunes, D-ro Teobaldo Recife, Pedro Álvares Coutinho kaj Adinar Antunes Pinheiro.

S-ro A. Caetano Coutinho, kiu estas la plej malnova esperantisto en Brazilo, dankis sian elekton kiel prezidanton kaj nomis por la membraro de la Socia Komisiono F-inojn Irani Baggi de Araújo, Rosa do Amaral Malheiro, kaj Iracema Álvares Coelho.

Laŭ propono de F-ino Maria do Amaral Malheiro, estas aklamita Honora Prezidanto la klera kaj fervora esperantisto D-ro Mário Teixeira de Freitas, ĝenerala sekretario de la "Brazila Instituto de Geografio kaj Statistiko". Li jam estis honora membro de la Klubo.

# BRAZILA KRONIKO

AMAZONAS. — *Manaus*. La tiea esperanta movado, kiu lasttempe estis dormanta, vekiĝis pro la propagando de la Deka Kongreso. Aliĝis al BLE, kiel MA, S-ro Sebastião Gomes de Lima, kiu, kune kun la delegito de IEL, S-ro Sebastião Augusto kaj la Ŝtata Departemento de Statistiko, aliĝis al la Kongreso. La Ŝtatestro reprezentiĝis ĉe tiu ĉi, pere de D-ro José Luiz Araújo Neto.

PARÁ. — *Belém*. S-ro Kolonelo Manuel Barata, Ŝtatestro, sendis al Rio de Janeiro, kiel reprezentanton de l' Ŝtato ĉe la Deka Kongreso D-ron Maurício Coelho de Souza, kiu faris belan salutan paroladon, ĉe la malferma kunsido, kiun publikigis la ilustrita revuo "Pará Ilustrado". Aliĝis al la Deka la Ŝtata Departemento de Statistiko.

Dum kunveno de la Societo por Ekonomiaj Studoj S-ro Francisco Falcão, delegito de niaj Ligoj kaj direktoro de la Komerca Asocio, faris interesan paroladon pri Esperanto kaj, speciale, pri la Deka, kiun li ne povis ĉeesti. Li rememorigis la nomon de la karmemora esperantisto, D-ro Nuno Baena, kiu antaŭ multaj jaroj vigle propagandis Esperanton en la Ŝtato. Post la parolado oni inaŭguris ekspozicion de esperantaj libroj.

PIAUÍ. — *Teresina*. Aliĝis al la Deka la Ŝtata Departemento de Statistiko.

CEARÁ. — *Fortaleza*. Je la 15a de Marto lasta fondiĝis la "Associação Esperantista Cearense", kies sidejo estas sur la strato Major Facundo, 490. Ĝia provizora prezidanto estas S-ro Fernando Bezerra Fernandes, al kiu ni sendis la publikigaĵojn de la Kongreso kaj propagandilojn. La fondo de tiu grupo rememorigis al ni la nomon de nia karega samideano, D-ro Demócrito Rocha, kiun la morto forrabis de la esperanta movado, kiu multe ŝuldas al li.

*Baturité*. La "Verda Stelo Esperanta Grupo", fondita en la jaro 1940a, ĵus filiiĝis al niaj Ligoj kaj aliĝis al la Deka Kongreso.

Jen ĝia nuna estraro: Prez. — S-ro Audízio Lopes de Souza, vicprez. — F-ino Ysa de Paiva e Silva, unua sek. — S-ro José Francelino de Oliveira, dua sek. — F-ino Maria Pia de Alencar Arrois, kas. — S-ro Antônio Lucena, bibl. — F-ino Maria Nilce Lopes de Souza kaj Oratoro — D-ro Waldemar Machado.

*Limoeiro do Norte*. La loka esperantista grupo kaj kvar ĝiaj anoj aliĝis al la Deka. Ses novaj geanoj aliĝis al niaj Ligoj, inter kiuj S-ro Pastro Heitor de Matos Montenegro, direktoro de "Ginásio Diocesano Padre Anchieta". Du el ili, nome, S-roj Abelardo Gurgel Costa Lima kaj Napoleão Nunes Maia, fariĝis fakaj dekegitoj de IEL.

RIO GRANDE DO NORTE. — *Natal*. La "Esperanta Asocio de Rio-Grande-do-Norte" aliĝis al la Deka. Tri ĝiaj anoj aliĝis al niaj Ligoj, el kiuj S-ro David Starec deziras fariĝi FD por lingvaj aferoj.

Jen estas la nuna estraro de "Lidja Zamenhof Esperantistina Grupo", kiu ankoraŭ ne aliĝis al niaj Ligoj,: F-ino Laurice Fernandes — prez., F-ino Ruth de Carvalho — ĝen. sek., F-ino Eunice de Sá Bezerra — unua sek., S-ino Guia de Carvalho — orat., S-ino Yara dos Santos — kas., F-ino Maria Aparecida Bezerra — bibliotekistino.

S-ro Arlindo Castor de Lima, kiu ricevis la Ateston pri Lernado, enskribiĝis en la superan kurson per korespondado. Li publikigis notojn kaj artikolojn pri Esperanto en la gazetoj "A República" kaj "O Diário". Mortis S-ro Anibal Calmon Costa, ekskasisto de la asocio.

Pri la speciala numero de "Pernambuco Esperantista" dediĉita al la esperanta movado en Rio Grande do Norte, disradiis entuziasman dankon al la "Pernambuka Esperanto-Asocio" la stacio de "Rádio Educadora de Natal", dum ties Radia Gazeto. Ĝi diras, ke tiu laŭdinda ago estas stimulo por la junularo, kiu sin dediĉas al la propagando de la bela kreitaĵo de D-ro Zamenhof. Ankaŭ la "Indicador de la Pernambuka Agentejo en Natal" disradiis gratulajn vortojn al la du esperantistaj asocioj en Natal pro la apero de tiu speciala numero. Al tiu gratulo ni aldonas la nian!

PARAÍBA. — *João Pessoa*. Sub la titolo "La genia Verko de Zamenhof", S-ro J. Leomax Falcão, teknika asistanto de la Ŝtata Departemento de Statistiko, publikigis sur la kolonoj de la gazeto "A União", longan kaj tre bonan artikolon por Esperanto. BLE sendis al S-ro Moacir Cavalcanti de Albuquerque, el tiu Dep., laŭ lia peto, prospektojn de propagando.

*Alagoa Nova*. S-ro Arlindo Colaço, urbestro, sendis al la Deka, kune kun varmaj salutoj, libreton titolitan "Aktualigita Instruado", kiu enhavas lian paroladon faritan ĉe la sidejo de la Komunumo, okaze de la fermo de la "Semajno de la Infano", kaj raporton pri la nomo "Dr. Zamenhof" de li donita al la komunuma biblioteko.

PERNAMBUCO. — *Recife*. Je la 22a de Marto okazis ĝenerala kunsido de "Pernambuco Esperanto-Asocio", dum kiu oni pritraktis pri la laboroj farotaj de la asocio, por ke ĝi kunlaboru kun la O. K. de la Deka Brazila Kongreso de Esperanto. Tial oni decidis eldoni specialan numeron de "Pernambuco Esperantista" dediĉitan al ĝi. De la decido al la ago estis nur paŝo. Efektive, antaŭ la malfermo de la Kongreso aperis belega numero, sur kies unua paĝo vidiĝas granda portreto de D-ro Zamenhof. Ĝi enhavas 12 paĝojn kaj tre bonajn originalojn kaj tradukaĵojn de malnovaj kaj novaj esperantistoj. Niajn plej varmajn gratulojn al la estraro de "Pernambuka Esperanto-Asocio" kaj, speciale, al F-ino Artemisa Vidal de Araújo, redaktorino de ĝia organo, pro la tre valora donaco farita al la Kongreso, kiu kunlaboris por ĝia brilo. Ni tre bedaŭris, ke nia vigla kunbatalantino F-ino A. Vidal de Araújo, ne estus povinta veni al Rio de Janeiro por ĉeesti la Kongreson kaj ricevi persone la dankojn de la kongresanoj.

Dum la ĝenerala kunsido oni balotis novan estraron, kiu konsistas el la jenaj personoj: D-ro Aguinaldo Lins — prez., S-ro Artur Veloso da Silveira — vicprez., S-ro Moacir S. Cunha — ĝen. sek., — F-ino Iracema Ferreira Pires — unua sek., S-ro Ubiraci da Silva Barbosa — dua sek., F-ino Artemisa Vidal de Araújo — kas., S-ro Alcides Pessoa de Carvalho — bibl., D-ro Berguedof Elliot — oratoro. Konsilantaro: S-roj Prof. Metódio Maranhão, Sebastião Albuquerque, Tomaz Tenório Vila Nova, A. Magalhães Porto kaj Clinício Silveira. Estas aklamita bonfarinta ano S-ro Ismael Braga pro liaj tre valoraj helpoj al la Esperanta movado.

Ni ricevis ankaŭ tri aliajn numerojn de "Pernambuco Esperantista". Unu el ili estis dediĉita al la esperantistaro el Ŝtato Rio Grande do Norte, kie ĝi havas pli ol 60 abonintojn. La dua priparolas precipe pri la Kristnasko kaj Zamenhofa Tago kaj la tria enhavas multe da materialo pri nia kara amiko Pastro Johano Baptisto Schien Kao, O. F. M.

BAHIA. — *Salvador*. Reaperis la "Esperantista Bahiano", oficiala organo de "Esperanta Grupo de Bahia", kies responda redaktoro estas nia fervora samideano D-ro Jaddo Couto Maciel. Ĝiaj ĉefaj artikoloj estas: "Simbolo de Brazilo", de Afrânio

Peixoto; "La Esperantista Idealo neniam mortos" kaj "Ĉefaj Trajtoj pri la Vivo de Augusto Teixeira de Freitas". Al nia kolego, kiu reaperas kun entuziasmo, ni kore deziras, ke ĝi daŭrigu sian vojon, interrompitan dum ses longaj jaroj.

Ŝtato Bahia okupas la duan lokon en la listo de la aliĝintoj al la Deka Kongreso, kaj tio ni ŝuldas, precipe, al la klopodoj de D-ro Jaddo Couto Maciel. Pli ol 80 personoj kaj institucioj ricevis la kongresan membrokarton. Niajn gratulojn!

La grupo organizis interesan ekspozicion de esperantaj libroj. En la centro de la montra fenestro vidiĝis la portreto de D-ro Zamenhof kaj ties busto sur piramido formata de liaj verkoj. La ekspozicio vekis grandan intereson ĉe la publiko.

La gazeto "Estado da Bahia" publikigis interesan intervjuon kun D-ro Couto Maciel pri la esperanta movado kaj transskribis tiun kun la Prezidanto de BLE aperintan en "O Globo".

ŜTATO RIO DE JANEIRO. — *Petrópolis*. La "Petropolisa Esperanta Grupo" daŭrigis sian propagandon pere de kurso funkcianta en la Lerneja Grupo "Petro Dua", sub la direkto de S-ro Aquiles Lan do Carmo, kiu ĵus ricevis la diplomon de "Profesoro aprobita". Li kaj S-ro José Varanda, prezidanto de la Grupo, partoprenis la laborojn kaj festojn de la Deka. Novaj geanoj de PEG aliĝis al BLE.

Je la 21a de Aprilo 70 gekongresanoj venis al Petrópolis, kie ili estis ĝentile akceptitaj de la loka esperantistaro. Kune ili vizitis la Imperian Muzeon kaj la Katedralon kaj tagmanĝis en Hotelo Quitandinha.

La gazeto "Tribuna de Petrópolis" aperigis notojn pri la Kongreso kaj la paroladetojn de S-ro Onésimo de Faria disradiitajn de la radistacio de la Ministerio por Edukado dum la *Universitata Horo*.

*Barra Mansa*. F-ino Lacyr Schettino, kiu ĉeestis la Dekan Kongreson kaj estis unu el ĝiaj sekretarioj, malfermis kurson de Esperanto, en kiun enskribiĝis pli ol dudek gelernantoj. Ŝi, S-ro Obddego Augusto, kiu ankaŭ venis al Rio de Janeiro dum la Kongreso, kaj alia ligano D-ro José Maria Costa interkonsentas pri la fondo de Esperantista Centro. Kun tiaj elementoj la estonta centro ja naskiĝas forta kaj promesanta bonajn fruktojn.

SÃO PAULO. — *São Paulo*. Aliĝis al la Deka Kongreso kiel Bonfarinta Membro, tio estas, pagis la sumon de Cr$ 1.000,00 la "Fervoja Kompanio el São Paulo". Ankaŭ aliĝis al ĝi la "Komerca Asocio", kiu donacis la sumon de Cr$ 500,00. Ĝia ĉiutaga bulteno aperigis noton pri la Kongreso. Dank' al la klopodoj de la loka klubo kaj de la du grupoj el Santos, Ŝtato São Paulo okupis la trian lokon en la listo de la aliĝintoj al la Kongreso, tio estas, la nombro de la aliĝintoj, el kiuj 17 ĉeestis la Kongreson, atingis la numeron 80.

Laŭ invito de Ambasadoro José Carlos de Macedo Soares, vizitis lin S-ro Osvaldo Leite de Morais, Prezidanto de "São Paulo Esperanta Klubo", al kiu la Prezidanto de la O. K. de la Kongreso donacis valoran sumon.

La 17an de Marto, ĉe la Komunuma Biblioteko, okazis parolado en Esperanto de la ŝina Pastro J. B. Kao pri "La Rekonstruo de Ĉinujo".

Ĉe la sidejo de la Teozofia Societo funkcias kursoj de Esperanto, unu supera direktata de S-ro Osvaldo Leite de Morais kaj unu elementa, kiun direktas S-ro René Ventura Sales. Ses novaj SPEKanoj aliĝis al BLE.

Preskaŭ ĉiuj ĵurnaloj en la ĉefurbo publikigis detalajn informojn, telegramojn kaj fotografaĵojn pri la Kongreso. "Correio Paulistano" aperigis intervjuon kun S-ro Leite de Morais pri la Kongreso.

Aperis la portugala traduko de la bulteno "Idioma Internacional", eldonita de la "Instituto de Esperanto de Montevideu", kiun eldonis SPEK. Ĝi traktas pri la "Basic English".

*Santos*. Kvar novaj membroj de "Centro Esperantista de Santos" kaj du de "Grupo Esperantista Francisco V. Lorenz" aliĝis al niaj Ligoj. S-ro Lauro João Costa, prez. de tiu ĉi grupo, kiu ĉeestis la Kongreson kun tri aliaj geesperantistoj, reprezentis la esperantistaron el Santos. La gazeto "Tribuna" publikigis notojn pri la Kongreso. Nova kurso malfermiĝis ĉe la sidejo de GEFVL.

En la Centro de Mensa Disradiado" Paulino Penin de Campos", realiĝis festo okaze de la naskiĝo de Zamenhof. Paroladis S-ro Nilo P. Silva.

PARANÁ. — *Curitiba*. Kiel unu el la multaj fruktoj de la Deka Kongreso ni citas la fondon de "Grupo Esperantista de Paraná", kies ĉeffondinto estas nia malnova samideano S-ro Augusto Gonçalves de Castro. La grupo, kies sidejo estas sur strato Riachuelo, 285, tuj aliĝis al BLE kaj sendis salutan telegramon al la Kongreso. Vizitis la tieajn esperantistojn S-roj Maurício Foschi kaj Antônio José Vaz. Ni devas rememorigi, ke en la monato Junio de 1938 vekiĝis la "Esperanto-Asocio de Paraná", kies prez. estis S-ro A. Gonçalves de Castro. Tio okazis, kiel ni diris en tiama numero de nia bulteno, post inokulado en la animo de la tiea esperantistaro farita de la kuracisto D-ro Frederico de Castro Menezes. Bedaŭrinde la efiko de la inokulado ne longe daŭris kaj la asocio malaperis post kelka tempo. Nun ĝi reaperas kun nova nomo. Ni dezirás, ke la grupo kun novaj bakitaj anoj vigle laboru por nia kara Esperanto. Jam malfermiĝis kursoj.

"Diário da Tarde" publikigis intervjuon kun S-ro Freizer N. de C. Sondhal, kaj "O Dia" detalajn telegramojn pri la Kongreso.

SANTA CATARINA. — *Florianópolis*. La "Esperantista Klubo de Florianópolis" vigle laboradis. Je la 4a de Junio okazis ĝenerala kunsido, dum kiu oni disdonis la atestojn pri Lernado al la jenaj geklubanoj: S-ro Eugênio Doin Vieira, F-inoj Lúcia Vitória Speck kaj Maria do Carmo Gevaerd, S-roj Plínio Franzoni Júnior, Ruy Kardeck de Melo, Pedro José Bosco, Osvaldo Melo Filho kaj Gilberto Doin Vieira, kiuj estis aprobitaj en elementa ekzameno. Post legado de la raporto de la prezidanto efektiviĝis Literatura Horo, en kiu partoprenis diversaj klubanoj. Malfermiĝis nova kurso en la kluba sidejo. Laŭ propono de S-ro Eugênio Doin Vieira la Klubo starigos Prolegeman Rondon, kiu konsistas el legado de libro kaj raporto pri ĝi. La klubo ekeldonis monatan bultenon.

La sekretariejo de la Klubo disdonis al 247 gesamideanoj ekzempleron de la bela ilustrita libreto titolita "Orquídeas Catarinenses", verkita de Kapitano A. de Lara Ribas. Ĝin akompanis esperantan antaŭparolon kaj gratulan karton pro la venko. D-ro Ivo d' Aquino, sekretario por la Juraj, Edukadaj kaj Sanecaj Aferoj, ricevinte la karton, ĝin respondis per esperanta letero kaj deklaris, ke antaŭ multaj jaroj li estis ano de Brazila Klubo "Esperanto". Kiel provizora Ŝtatestro li nomis reprezentanton ĉe la Deka Kongreso.

"Gazeta" kaj "Diário da Tarde" publikigis notojn kaj telegramojn pri la Kongreso. Dum la kuranta jaro 10 novaj anoj aliĝis al BLE.

RIO GRANDE DO SUL. — *Pôrto Alegre*. Rekomencis sian aktivecon la veterana "Sudbrazila Esperantistigilo", kies estraro konsistas el la jenaj esperantistoj: D-ro Benjamin Camozato — prez., Generalo Feliciano Domingues — vicprez. kaj S-ro Ary Sanhudo — sekretario. Ĉe la sidejo de la klubo okazis parolado en Esperanto farita de Pastro Johano Baptisto Kao antaŭ multenombra aŭdantaro.

La "Kurso de Esperanto Zamenhof", ĉe la Esperanta Federacio de Ŝtato Rio de Grande do Sul, aliĝis al niaj Ligoj pere de la jenaj anoj: S-ro Ary Zamora, Kolonelo Felisberto do Amaral Peixoto, D-ro Ildefonso da Silva Dias, Antônio Teixeira Ellwanger, Lysippo José Rodrigues kaj José Martins. Jen ĝia adreso: Rua S. Carlos, 1192. *Pôrto Alegre. Rio G. Sul.*

*Torquato Severo.* (antaŭe *São Sebastião*). Pro la ŝanĝo de la nomo de la urbeto la loka grupo nun estas nomata "Esperanto-Rondeto de Torquato Severo". Ricevis la Ateston pri Lernado la jenaj anoj: S-roj João Severo, Carlos S. Pereira, Antônio B. Chagas kaj Paulo Guilherme Neto. Okaze de la inaŭguro de la portreto de D-ro Zamenhof en ĝia sidejo paroladis tiu ĉi, S-roj Manuel Ferreira kaj João Severo. Aperis artikoloj en "Ponche Verde", el Dom Pedrito.

*Caxias.* Fondiĝis "Grupo Esperantista Emanuel", kies estraro konsistas el la jenaj anoj: S-ro Valdomiro C. Ramos Pacheco — prez., S-ro Jardelino C. Ramos — sek. kaj S-ro Ary Cavalcanti — kasisto. La grupo aliĝis al niaj Ligoj pere de tiuj lastaj kaj de S-roj Carlos Henrique Dionísio, Diomedes Cardoso dos Santos kaj José Pagliarini. Adreso de la grupo: Caixa postal 46 aŭ 8º B. C.

MINAS GERAIS. — *Belo Horizonte.* Je la 10a de Marto kunvenis ĉiuj anoj de "Grupo Esperantista Humberto de Campos" kaj "Montara Esperanta Klubo" kaj aliaj esperantistoj tie loĝantaj kaj fondis novan grupon, kiu ricevis la nomon "Esperanta Klubo Azeredo Coutinho" por honori la memoron de la pioniro de la Esperanto-Movado en Minas Gerais. La kunsido estis malfermita de S-ro Misael Alves Mendes, kiu transdonis la prezidantecon al D-ro Wilson Veado, delegito de IEL.

Parolis S-ro Luís Anacleto Silos, pri la ideo, sugestiita de Pastro Johano B. Kao, kunigi ĉiujn geesperantistojn en unu sola organizaĵo, kaj legis leteron de la ĉina esperantisto, kiu ne povis ĉeesti la kunsidon, ĉar li devis reveni al Rio de Janeiro. Poste oni aklamis la nomojn de la estraranoj, kiuj estas la jenaj: D-ro Luiz de Azeredo Coutinho — prez., D-ro João Viana — vicprez., S-ro Luís Anacleto Silos — ĝen. sek., D-ro Dilermando Teixeira — unua sek., S-ro Oscar Dias Vieira — dua sek., S-ro Misael Alves Mendes — kas., kaj F-ino Maria José Pena — bibliotekisto.

La Klubo tuj aliĝis al niaj Ligoj pere de la antaŭaj liganoj kaj de naŭ aliaj. D-ro Luiz de Azeredo Coutinho per kortuŝaj vortoj dankis la honoron faritan al la memoro de sia patro kaj sian elekton kiel prezidanton de la Klubo.

Je la 4a de Aprilo, ĉe la sidejo de la Ŝtata Unuiĝo de la Studentoj, malfermiĝis kurso de Esperanto. Kvin geanoj de la Klubo ĉeestis la Dekan Kongreson.

S-ro Wilson Veado, kiu realiĝis al BLE, baldaŭ malfermos kurson ĉe la Instituto Sankta Rafaelo, edukejo por blinduloj. Li komencis la lernadon de la Brajla Sistemo, por ke li povu verki gramatikon por la nevidantoj.

*Juiz de Fora.* Ĉeestis la Kongreson F-ino Dina Saléh, reprezentante la "Esperantistan Klubon S. Jorge", S-ro Kapitano Jorge Firmino de Sant'Ana, reprezentante la du aliajn lokajn grupojn, kaj S-ro Orville Derby A. Dutra.

Bonegan propagandon faris la "Gazeta Comercial", kies redaktoro lernis Esperanton. Citinda estas la artikolo de S-ro Jorge de Sant'Ana titolita "Esperanto jam venkis". La gazeto publikigis longan liston da loĝantoj petantaj ke oni donu la nomon Zamenhof al unu el la urbaj stratoj. La loka radistacio ankaŭ disradiis informojn pri la Kongreso.

*Araguari.* Ĉeestis la kongreson S-ro Otílio Naves, kiu en 1938 estis ano de BLE kaj delegito de IEL.

*Ubá.* Ĉeestis la Kongreson S-ro José Gomes Braga.

MATO GROSSO. — *Cuiabá.* Je la 10a de marto lasta kuniĝis dek gravaj personoj kaj fondiĝis la "Cuiabá Esperanta Klubo", kies prez. estas S-ro Manuel Miraglia, ĉefurbestro de Cuiabá. La aliaj membroj de ĝia provizora estraro estas S-ro Ulisses Cuiabano, malnova esperantisto — sekretario kaj S-ro Prof. Benedito de Melo — kasisto. La Prez. de BLE telegrafis al S-ro Manuel Miraglia dezirante al la Klubo longan kaj fruktodonan vivon. Tiu ĉi intencas enkonduki Esperanton en la unuagradajn lernejojn. En la programo de la klubo figuras starigo de la esperanta fako ĉe la kolonoj de la gazeto "O Estado de Mato Grosso". La klubo intencas aliĝi al la nacia kaj internacia Ligoj.

RIO DE JANEIRO. — Dum la tuta unua jarduono lasta la estraranoj de BLE kaj kelkaj aliaj ties membroj sin okupiĝadis pri la antaŭ-, dum- kaj postkongresaj laboroj. D-ro Mário Ritter Nunes aŭ F-ino Maria da Luz Costa disradiis ĉiuvendrede paroladetojn pri la Deka pere de la Radistacio de la Komunumo de l' Federacia Distrikto kaj S-ro Onésimo de Faria verkis propagandajn paroladetojn disradiitajn dum la "Universitata Horo", de la Radistacio de la Ministerio por Edukado, kiu kiel prefikson aŭdigis la esperantistan himnon. Tiuj disradiadoj ankoraŭ daŭras.

D-ro J. B. de Melo e Souza faris interesan paroladon titolitan "Arkitekturo kaj Esperanto" dum leciono de kurso farata de sia frato prof. Júlio Cesar de Melo Souza, famkonata laŭ la pseŭdonimo Malba Tahan, ĉe la Nacia Lernejo de Belartoj. Estas notinde, ke la gelernantoj, kies numbro estas supera al 70, estas devigataj verki resumon de la parolado, kiu servos kiel unu el la partaj ekzamenaj taskoj. Ĉeestis la paroladon kelkaj liganoj kaj la argentina samideano S-ro Tibor Sekelj, kiu en Esperanto salutis la lernantaron. Tradukis la saluton portugalen la paroladinto.

Direktis superajn kursojn per korespondado S-ro A. Couto Fernandes kaj elementajn F-ino Maria do Amaral Malheiro.

Je la 5a de Majo okazis en la sidejo de BLE numero de "Viva Gazeto" dum kiu parolis S-roj A. Caetano Coutinho, J. B. Melo e Souza, A. Couto Fernandes, Ismael Gomes Braga kaj Tibor Sekelj.

Brazila Klubo "Esperanto" en ĝenerala kunveno reformis sian regularon kaj elektis novan estraron, pri kiu ni parolas aliloke. Direktis kurson ĉe la sidejo de tiu klubo S-ro A. Couto Fernandes. Je la 16a de Junio malfermis novan kurson F-ino Maria do Amaral Malheiro. Kvin aninoj de BKE ricevis la diplomon de Profesoro Aprobita. Ricevis la Ateston pri Lernado F-ino Maria da Luz Costa kaj S-ro Onésimo de Faria. Tiu ĉi, kiu estas unua sek. de BKE, malfermis kurson de Esperanto ĉe la sidejo de la Brazila Spiritisma Federacio. Ĉeestis la malfermon S-ro Ismael Braga, kiu diris kelkajn vortojn pri la okazaĵo. Ĝi funkcias dufojojn ĉiusemajne.

Laŭ la raporto de la prez. de la "Associação Esperantista do Meyer", kiu en la 19a de Decembro lasta ŝanĝis sian nomon, dum la jaro 1944a aliĝis al ĝi 32 novaj membroj, okazis 13 kunvenoj de la estraro, unu supera kurso kaj tri elementaj. La unuan de Januaro lasta okazis la ekposedo de la nova estraro, dum kiu oni inaŭguris disko-kolekton. Paroladis S-ro Octaviano da Silva Lopes, ĝen. Sek. La prez. nomis S-ron Celso Alves Rosa bibliotekisto, S-ron Haroldo Leite Pinto helpkasisto, S-ron Onésimo de Faria direktoro de propagando, S-ron Antônio Saraiva Varão direktoro de ekskursoj kaj S-ron Geraldo Magela Cantalice direktoro de kulturo. Diversaj geasocianoj ekskursis al Monto

Corcovado (legu: *Korkovado*) kaj "Água Santa". Estas kreita speciala kaso por pligrandigi la bibliotekon, kies nomo estas "Karlo Bourlet".

Ĉiumerkrede okazas kunveno de la Estraro kaj ĉiusabate interparolada kunveno. Ĉiutage, ekster dimanĉo, post la 20a, troviĝas asociano por akcepti la vizitantojn.

Ricevis diplomon de Profesoro Aprobita S-roj Nelson Pereira de Souza kaj Haroldo Leite Pinto kaj la Ateston pri Lernado S-roj Lindolfo Barroso kaj Antônio Saraiva Varão kaj S-ino Maria Saraiva, ĉiuj membroj de la Asocio.

Je la 12a de Majo, ĉe ties sidejo, okazis numero de *Viva Gazeto*, kiun direktis S-ro Nelson Pereira de Souza.

Pri la akcepto de la Asocio al la kongresanoj ni parolas aliloke.

La gelernantoj de la kurso de Esperanto malfermita de S-ro Roberto das Neves, portugala esperantisto, dum la monato Januaro lasta, ĉe la "Kristana Asocio de Junuloj", fondis en Aprilo, en la kadro de tiu ĉi asocio, Esperantan Klubon, kies ĉefaj celoj estas organizi kursojn de Esperanto, promenadojn kaj ekskursojn, grupigi esperantistojn kaj krei bibliotekon de libroj, gazetoj kaj revuoj en kaj pri Esperanto. Dum la monato Junio devus okazi ekzamenoj.

S-ro Tibor Sekelj, kiu reprezentis la argentinajn esperantistojn ĉe la Deka Kongreso, faris en la salono de la Kristana Asocio de Junuloj paroladon en Esperanto pri sia supreniro al Monto Aconcagua, la plej alta en Ameriko.

Laŭ iniciato de tiu Klubo, diversaj esperantistoj vizitis, ĉe la Armea Centra Hospitalo, la vunditojn, kiuj batalis en Italujo en la Brazila Ekspedicia Trupo, al kiuj ili donacis dolĉaĵojn, cigaredojn kaj esperantaĵojn.

La Brazila Societo de Filozofio, laŭ propono de D-ro Ismael Edgard da Silveira, aprobis laŭdan esprimon al la Deka Kongreso.

Ĉe kunveno de la "Literatura Akademio de Rio de Janeiro", oni aprobis proponon prezentitan de S-ro Oton Costa pro la brila rezultato de la Deka kaj dankon al D-ro J. B. Melo e Souza, kiu, kiel ĝen. sek. de BLE, salutis siajn kolegojn okaze de la vizito de akademianoj al la sidejo de l' Kongreso.

Ĉiuj gravaj gazetoj en la ĉefurbo de Brazilo publikigis detalajn informojn pri la Deka Brazila Kongreso de Esperanto. Aliloke ni publikigas la nomojn de tiuj gazetoj. Tamen meritas esti citataj la titoloj de kelkaj artikoloj aperintaj en tiuj gazetoj kaj revuoj: "Historiaj Notoj", de Roberto Macedo, el "Correio da Manhã", kiu parolante pri la libro de E. D. Durrant "The Language Problem" finiĝis per la jenaj vortoj: "... aŭstraj infanoj, orfigitoj de la milito, estis gastigitaj de la Komunumo de Barcelono. Oni instruis al ili Esperanton kaj tre baldaŭ ĉio estas faciligita. Jam estas tempo ripeti la politikon de la komunumo de Barcelono. Sílvio Romero, okaze de kongreso de Esperanto, diris: "Esperanto havos grandan mision plenumotan." Aperu la misiisto." "Aviado" kaj Esperanto", de Waldemar Kern, aperinta en "Revista Aérosul"; "La Kinematografarto kaj Esperanto", de José Barroso Junqueira, el "Juventude Unida"; "Intervjuo kun S-ro Carlos Pedrosa", en Diário de Notícias; Intervjuo kun S-ro A. Couto Fernandes en "O Globo"; "Zamenhof", kun ties portreto, el "Para Todos" (teksto kaj desegno de Francisco Manoel da Rocha Filho); "Poeziaĵo de Longfellow — La sonĝo de la Sklavo", de Francisco Lorenz; "La plej granda el la tri", de D-ro Luiz Pôrto Carreiro Neto; "Esperanto kaj la Reedukado por la Paco", de Luiz de Almeida; "La Psikografiisto kaj la Aŭdanto", de Ismael Braga; ĉiuj el "Reformador."

"Jornal do Brasil " publikigis du interesajn artikolojn de Prof. Domingos Barbosa pri la Deka Kongreso. "Ensaios", revuo de Jura Katolika Fakultato, aperigis artikolon de Onésimo de Faria titolitan "Esperanto kaj la Duagrada Instruado."

"Carioca" publikigis artikolon pri la Deka, kiun ĝi ilustris per du fotografaĵoj de la ludintoj de la du komedioj luditaj dum la "Festa Arto", tiam okazinta.

Meritas esti tradukitaj esperanten la jenaj pecoj de la bonega redakcia artikolo aperinta en la grava ilustrita revuo "Revista da Semana": "Brazilo kaj Rusujo, diras la usona verkisto Durrant en sia libro "The International Language", — estas la solaj landoj, kiuj eldonis poŝtmarkojn kun vortoj en Esperanto. Cetere, oni facile komprenas, la kialon, ĉar ambaŭ estas landoj kun grandegaj estontaj eblecoj kaj ambaŭ parolas lingvojn malmulte konatajn ekster iliaj geografiaj landoj.

"Sed la obstinuloj kaj la rutinuloj konvinkiĝos, ke Esperanto jam ne estas simpla ludilo, intelekta sporto, sendanĝera manio, kiu iĝos aliula mokataĵo: ĝi estas serioza afero, destinita fari grandajn servojn al la civilizacio."

"O Globo" publikigis ilustritan intervjuon kun S-ro Roberto das Neves, profesoro de Esperanto ĉe la "Kristana Asocio de Junuloj", kiu parolis, inter aliaj aferoj, pri la letero sendita de siaj gelernantoj al la "Brita Asocio de Esperantistaj Instruistoj" kaj pri la vizito farita de S-ro Kapitano Petro Nekrasov, Prez. de la Unuiĝo de la Sovetaj Esperantistoj, al la Kursejo.

"Diário da Noite" aperigis longan artikolon, kun fotografaĵo, titolitan "Suprenirante la plej altan monton en Ameriko", per kiu li parolas pri la supreniro de S-ro Tibor Sekelj, jugoslavo, kiu reprezentis la argentinajn esperantistojn ĉe la Deka Kongreso. al Monto Aconcagua kaj pri lia vojaĝo al Mato Grosso, laŭ invito de la Centra Brazila Fondaĵo. La ĉefa celo de tiu ekskurso estas kolekti elementojn por skribota libro, kiun li eldonos en hispana, portugala kaj esperanta lingvoj.

---

# Novaj Profesoroj Aprobitaj

Je la 24a de Marto lasta okazis ekzamenoj de la gelernintoj de l' Supera Kurso inaŭgurita la 13an de Majo 1944a ĉe la sidejo de Brazila Ligo Esperantista. Tiu kurso konsistis el 57 lecionoj, kiujn donis S-roj A. Caetano Coutinho, A. Couto Fernandes, Carlos Domingues, J. B. de Melo e Souza, Ismael Gomes Braga kaj D-ro Luiz Pôrto Carreiro Neto, kaj daŭris ĝis la 16a de Septembro de la sama jaro. Ilin ekzamenis S-roj A. Couto Fernandes, Carlos Domingues kaj A. Caetano Coutinho. Estas aprobitaj la jenaj gelernintoj: F-inoj Maria do Amaral Malheiro, Rosa do Amaral Malheiro, Débora do Amaral Malheiro, Irani Baggi de Araújo kaj Iracema Álvares Coelho kaj S-roj Aquiles Lan do Carmo, Haroldo Leite Pinto kaj Nelson Pereira de Souza, kiuj ricevis la Diplomojn dum la Deka Kongreso. Unu estas neaprobita.

---

## ŜLOSILOJ DE ESPERANTO EN HISPANA LINGVO

La "Sociedade Esperantista del Uruguay" reeldonis la konatan "Ŝlosilon de Esperanto" en hispana lingvo, kun detalaj informoj pri la adresoj de multaj amerikaj esperantistaj organizaĵoj. Ĝia prezo estas tre malkara. 100 ekzempleroj kostas nur unu dolaro kaj duono.

# A MOCIDADE E O ESPERANTO

*Onésimo Faria.*

O Mundo vive sempre repleto de mocidade, mas nem sempre a mocidade preenche o seu lugar no Mundo.

Isto só acontece lá uma vez ou outra, quando um povo ou a humanidade sofre profundas transformações de vida, motivadas por decadência de velhos preconceitos ou por inspiração de ideologias novas. Salta ela, então, do interior das universidades, dos escritórios, das oficinas, de todos os recantos enfim, introduz-se no meio popular e faz vibrar, na alma do povo, um entusiasmo vivo e renovador.

Intérprete fiel dos velhos mestres, recebe seus influxos, revigora as suas experiências com energias novas e as transmite às gerações pósteras. É a razão pela qual, em todos os tempos, as causas abraçadas pela mocidade imortalizam-se na História e na Vida dos povos.

Por outro lado, há um aspecto doloroso e triste na vida dos jóvens. É serem êles, de tempos a tempos, lançados bàrbaramente nos campos de guerra, transformados em instrumentos de morte e destruição da própria humanidade. É um grande mal a ser eliminado do mundo pela obra das gerações novas, que deverão esforçar-se por elevar a razão e o bom senso e diminuir o imperialismo e a violência.

Tôda a glória da humana Civilização é fruto do trabalho sereno dos filósofos, poetas, literatos, cientistas, pensadores enfim, que se têm preocupado em só construir a evolução do pensamento e ofertar ao homem o conhecimento da Vida, espiritualizando-lhe, também, o coração.

A esta natureza de benfeitores da humanidade é que pertencem os esperantistas. Trabalham pela intercompreensão universal, buscando elevar o espírito do mundo e prodigalizar ao homem de pensamento um meio mais simples de aproveitar os valores intelectuais dispersos em diferentes regiões do planeta e acumulados em diversas línguas.

O Esperanto, se não tem ficado fora da atenção de muitos moços, é porque de modo nenhum êle poderia desmerecer a adesão dos jovens que verdadeiramente aspiram a um mundo melhor. Desde o seu aparecimento, vem o idioma internacional recebendo o apôio da mocidade. Os velhos, que hoje são os professores de Esperanto, foram os jovens que o receberam de coração aberto, quando Zamenhof o ensinava aos seus primeiros discípulos.

E por que esses velhos até hoje se mantêm convictos de já ter o Esperanto vencido o mundo? É porque viram-no surgir, crescer e mais — o que todos vemos — sôbrepor-se a todos os seus negadores e adversários, que não o destruiram nem puderam impedir a sua expansão entre os povos.

São poucos os moços conhecedores do Esperanto e menos ainda os que lhe sentem o espírito renovador da inteligência. Cabe, portanto, a nós já iniciados no movimento esperantista, o dever de dar melhor atenção àqueles que ainda não tiveram oportunidade de conhecer as realidades do Esperanto, como idioma internacional que já é.

Temos razão para confiar na ação dos jovens e esperar muito de suas obras. Nunca esquecemos ter sido durante o curso ginasial que Zamenhof iniciou a elaborar o Esperanto.

Em abril de 1944, o Sr. Ministro Eduardo Espínola, presidente do Supremo Tribunal Federal, em seu discurso de reabertura dos trabalhos daquela Côrte de Justiça Superior, analisando as grandes transformações por que vem passando a humanidade, relembrava emocionadamente esta ode que o poeta polonês Mickiewiecz dirigira à juventude do mundo:

— "Sem coração, sem alma, os povos do mundo são apenas esqueletos. Oh! jovens e amigos de tôda a parte, trazei da esfera das visões e dos ideais, para a Terra, um mundo novo. Oh! jovens e amigos, a doçura da vida não é doce se não for compartilhada. Permanecei unidos, jovens; ide juntos vencer os egoistas e forçar o mundo a deixar os caminhos mortos do passado e quebrar o gêlo dos preconceitos. Bemvindo glorioso alvorecer da liberdade, porque, depois de ti, virá o sol.

Uní-vos, juventude, uní-vos."

É o que nós, os moços, precisamos fazer, para evitar que as gerações futuras nos acusem de não termos preenchido o nosso lugar no mundo e na vida.

# ESPERANTA GAZETARO

Ni ricevis kaj tre dankas:

ESPERANTO-INTERNACIA. Oficiala organo de "Internacia Esperanto-Ligo." Eldonejo kaj Redakcio: *Heronsgate, Rickmansworth, Herts, Anglujo.*

AMERIKA ESPERANTISTO. Oficiala organo de "Esperanto-Asocio de Nord-Ameriko". Adreso: 1410 *"H" St. N. W. Washington. D. C. Usono.*

BRITISH ESPERANTIST. Oficiala organo de "Brita Esperantista Asocio." Adreso: *Heronsgate, Rickmansworth, Herts. Anglujo.*

ARGENTINA ESPERANTISTO. Oficiala organo de "Argentina Esperanto-Ligo". Adreso: *Belgrano,* 728. *Buenos Aires. Argentina.*

PERNAMBUCO ESPERANTISTA. Oficiala organo de "Pernambuka Esperanto-Asocio. *Rua da Aurora* 363, 1.º *Recife. Pernambuco.* Jarabono: Cr$ 15,00.

ESPERANTISTA BAHIANO. Oficiala organo de "Esperanta Grupo de Bahia." Adreso: *Rua Bangala,* 18. *Salvador. Bahia.*

MONDA BONVOL-SERVO. Monda Bonvol-Eldonejo: *Saline, Michigan, U. S. A. Jarabono:* $ 2.50.

INTERNA BULTENO. Oficiala organo de "Palestina Esperanto-Ligo". Administranto: *H. R. Finelbloom. P. O. B., Jerusalem, Palestina.*

RENOVIGO, Dulingva revolucia gazeto. *Jesus Amaya, Dir. AP.* 59. *México. México.*

PER UNU VOĈO. Organo de la "Laborista Esperanto Kunularo." Adreso: *Poŝtkesto* 7356, *Johannesburg. Africa do Sul.*

APOLO. Dulingva organo de la Pena "Esperanto" de Arte y Cultura. Adreso: *Victoria* 724 *P.* 1.º *Buenos Aires. Argentina.*

LA T. J. O. — BULTENO. Oficiala Bulteno de Tutmonda Junularo - Organizo. Brita Sekcio. *J. W. Holland,* 61. *Vandick Road, Leighton Buzzard, Beds. Anglujo.*

NEW ZEALAND ESPERANTIST. Oficiala bulteno de "New Zealand Esperanto Association." *Wellington, N. Z. Nova Zelândia.*

LA VERDA FLAMO. Monata revuo de "Maroka Esperanto-Asocio". Redakcio kaj Administracio: 5, *Rue Savorgnon-de-Brazzo. Casa Blanca. Marrocos.*

HEROLDO DE ĈINIO. Nova Serio. Redekcio kaj Administracio: *P. O. Box* 175, *Chunking. Ĉinujo.*

PENSADO TUTMONDA. En Kora Akordo. Esperanta parto de "GLOBAL THINKING". Eldonata dumonate de Robert L. Davis and Mabelle L. Davis. Adreso: 4321 *Fourth Avenue, Detroit* 1, *Michigan. U. S. A.* Jarabono: $ 1.50.

ETA HEROLDETO. Eldonas: Presejeto "Sukro" ĉe 2 *Cambridge St.. Willoughby. N. S. W.* (*Aŭstralio: Nova Suda-Vales*).

# Liga Esperantista Brasileira

Aderiram nos meses de Janeiro a Junho de 1945 à LIGA ESPERANTISTA BRASILEIRA e, portanto, à INTERNACIA ESPERANTO-LIGO as seguintes pessoas:

Como MA: Sr. Carlos Guimarães Paternostro, Sr. Constantino Nicolau Blaschikoff e Sr. Diomar B. Ribeiro, do *B. K. E.*, do *Rio de Janeiro*; Sr. Sebastião Gomes de Lima, de *Manaus, Amazonas;* Sr. Leon Sabra, do *S.P.E.K.*, de *São Paulo;* Sr. Coronel Felisberto do Amaral Peixoto, do *E. K. Z.*, de *Pôrto Alegre, Rio G. do Sul;* Sr. Dilermando Teixeira, Sr. Abílio Carvalho Campos, Dr. Luiz de Azeredo Coutinho e Wilson Veado, do *E. K. A. C.*, de *Belo Horizonte, Minas Gerais.*

Como MJ: Sr. Pedro Alvares Coutinho e Sr. Adinar Antunes Pinheiro, do *B.K.E.*, do *Rio de Janeiro;* Sr. Abel Soares Faria, Sr. Antônio Saraiva Varão, Sr. Francisco Doblas Filho, Sr. Jozefo Joels e Sr. Orlando Ribeiro Seabra, da *A.E.R.J.*, do *Rio de Janeiro;* Sr. Abelardo Gurgel Costa Lima e Sr. Napoleão Nunes Maia, do *G.E.L.N.*, do *Limoeiro do Norte, Ceará;* Sr. David Starec, do *E.A.R.G.N., de Natal, Rio Grande do Norte;* Sr. Antônio M. Cardoso e Silva, do *E.G.B., de Salvador, Bahia;* Sr. Francisco Demacq Rosas, F-ino Maria Luiza de Morais, Sr. Naby Huluany, Sr. Dimas Lino de Matos Feijó, Sr. Luiz Ramos e D. Joaquina Ramos do Prado, do *S.P.E.K.* de *São Paulo;* Srta. Maria José A. Pena, do *E.K.A.C.*, de *Belo Horizonte, Minas Gerais.* Sr. Ilfonso da Silva Dias, do *E.K.Z.*, de *Pôrto Alegre, R. G. Sul;* Sr. Carlos Henrique Dionísio, do *E.G.E.*, de *Caxias, R. G. do Sul;* Sr. Sandálio Avila Farias, de *Quaraí, R. G. Sul;* Sr. Pedro de Lima Brenneisen, *Cresciuma*, Sr. Manuel Stremel, *Laguna*, kaj Sr. Carlos Buchele Júnior, *Rio do Sul*, todos do *E.K.F.*, de *Florianópolis, Santa Catarina*, Sr. Járvis Vieira Campos, do *E.K.A.C.*, de *Belo Horizonte, Minas Gerais;* Srs. Aldo Otero Doblas, Omar da Silva Araújo e Oscar de Noronha Filho, da *A.E.R.J., do Rio de Janeiro;* Sr. Waldomiro Ramos Pacheco, de *Caxias, R. G. Sul;* Srs. Luiz Fernandes Carranca, Luiz Gomes Cruz, Vital Passos de Melo e dr. Alexandre Alves Peixoto do *C.E.S.*, *Est. São Paulo;* Sr. Manuel Borges dos Santos, *Minas do Rio de Contas, Bahia.*

Como AM: Sr. Abner Florentino Cordeiro, Srta. Ignez Rocha, Sr. Manoel Nicolau da Conceição Gomes, Sr. Manoel Machado de Azevedo, Sr. Tenente João de Brito Jorge e D. Carolina Vaz, do *B.K.E.*, do *Rio de Janeiro;* Sr. Ariosto Lopes Bernacchi, Sr. Alcino Alves Ribeiro, Sr. Alvaro Antunes, Sr. Carlos de Figueiredo Rocha, Sr. Eduardo Ferreira de Oliveira, Sr. Eduardo Jour Castagna, Sr. Francisco Rodrigues de Souza ,Sr. Genário de Azevedo, Sr. Henrique Magalhães, Sr. Lázaro Briegen, Srta. Maria Luiza Marques do Adro. Sr. Olinto Barbosa Fonseca, Srta. Redenta Marinari, Sr. Silvio Borges, Sr. Wilson de Castro Pereira, Sr. Bento Pires da Rosa Filho, Sr. José de Alencar Portilho, Sr. José Francisco de Aguiar, Sr. José Gomes do Nascimento, Sr. José Ribeiro Pereira de Magalhães, da *A.E.R.J.*, *Rio de Janeiro;* Sr. Audísio Lopes de Souza, Sr. José Francolino, Sr. Lindolfo Barbosa, Sr. Josué Carvalho Nogueira e Sr. Francisco Viana do Nascimento, do *V.E.E.G.*, de *Baturité, Ceará;* Sr. Meton Maia e Silva, Srta. Maria Zenir Gonçalves, Padre Heitor de Matos Montenegro e Srta. Risalva Cabral de Amorim, do *G.E.L.N.*, do *Limoeiro do Norte, Ceará;* Sr. Poti Aurelio Ferreira e Sr. Pedro Rodrigues Caldas, *E.A.R.G.N*, de *Natal, Rio G. Norte;* Sr. Renato Lemos Diniz, de *João Pessoa, Paraíba;* Sr. Odilon Rocha, Srta. Elvira de Almeida, Srta. Laura Assunção, Srta. Zilda M. Portugal, Sr. Célio Mendonça, do *P.E.G.*, de *Petrópolis, Estado do Rio;* Sr. Ernesto Dias do *S.P.E.K.*, de *São Paulo;* Sr. Joaquim Evangelista da Silva e D. Alzira Machado Costa, do *G.E.F.V.L.*, de *Santos, São Paulo;* Prof. S. Saléh, Sr. Antônio Pepino da Rosa, Sr. Joaquim Maurício, José Rodrigues Neto e Srta. Natalina Assís Silva, do *C.E.S.J.*, de *Juiz de Fóra, Minas Gerais;* Sr. Cândido Ubaldo Gonzalez, Sr. Francisco Pereira de Almeida e Wilmar Faria Krautz, do *E.K.A.C.*, de *Belo Horizonte, Minas Gerais;* Sr. Plinio Franzoni Júnior, Sr. Ary Kardeck de Melo, Srta. Lucia Vitória Speck, Srta. Maria do Carmo Gevaerd, Sr. Osvaldo Melo, Sr. Pedro José Bosco e Sr. Gilberto Doin Vieira, do *E.K.F.*, de *Florianópolis, Santa Catarina;* Sr. José Martins, Sr. Antônio Teixeira Ellwanger e Sr. Lysipo José Rodrigues, do *E.K.Z.*, de *Pôrto Alegre, R. G. Sul;* Sr. Augusto Gonçalves de Castro, Sr. Casemiro Siedliecki, Sr. João Rebelo, Jorge Alberto Remez e Bertolino de Almeida, do *G.E.P.*, de *Curitiba, Paraná;* Sr. Emílio Santos Fonseca, Sr. Antônio Bizarro, Sr. Jardelino C. Ramos, Sr. Ary Cavalcanti, Diomedes Cardoso dos Santos e João Pagliarini de *Caxias, R. G. do Sul;* Srs. José Leite de Moraes e Castorino Gomes de Carvalho, do *S.P.E.K.*, de *São Paulo.*

Melhoraram de categoria pagando suas quotas do corrente ano:

Como MS.: Sr. Haroldo Leite Pinto, da *A.E.R.J.*, do *Rio de Janeiro* e Coronel Salvador Moya, do *S.P.E.K.*, de *São Paulo.*

Como MA: Sr. Nelson Pereira de Souza, da *A.E.R.J.*, do *Rio de Janeiro;* Sr. José Casimiro Botelho, de *Rio Javari, Amazonas;* Srs. Adalberto Vass, Olindo Lonardi Boldin, René Ventura Sales, Ronan Castanheira, Tito de Barros Júnios, Waldemar Marozinski e Zeferino Fernandes e Dra. Azália Machado Dias, do *S.P.E.K.*, de *São Paulo* e Sr. Orlando Borges Bahia, do *E.G.B.*, de *Salvador, Bahia.*

Como MJ: Sr. Raul de Almeida, da *A E.R.J.*, do *Rio de Janeiro;* Sr. Allan Kardec A. Costa, de *Belo Horizonte, Minas Gerais;* D.D. Amélia Levy, Eugênia de Vasconcelos e Isabel Cintra de Barros, Srs. Siegfried Lehfeld e Antônio Azevedo Viana, do *S.P.E.K.*, de *São Paulo.*

---

KORESPONDADO

C. S. Cunha. *ALAGOINHAS* — Bahia — BRASIL — Deziras korespondi pri domkonstruado. Interŝanĝas p. m. laŭ manklistoj. Deziras retrovi siajn antaŭmilitajn gekorespondantojn.

Prof-ino Margarida Leal. Str Areal de Cima, 19, Urbo SALVADOR — Bahia — BRASIL. Deziras korespondi pri moroj kaj edukadoj, sed nur per p. k.

# Grupoj Aliĝintaj al B. L. E.

BRAZILA KLUBO "ESPERANTO". (1906). Sidejo: *Praça da República, 54. Rio de Janeiro*. Tel: 42-4357.

CENTRO ESPERANTISTA DE SANTOS (1931). Sidejo: *Rua Paraguai, 150. Santos. Est. São Paulo.*

ESPERANTA GRUPO DE BAHIA. (1936). Sidejo: *Rua Bangala, 18. Salvador. Bahia.*

S. PAŬLO ESPERANTA KLUBO. (1937). Sidejo. *Rua Alabastro, 462. — São Paulo. Estado S. Paulo.*

PERNAMBUKA ESPERANTO-ASOCIO. (1937). Sidejo. *Rua da Aurora, 363, 1.°. Recife. Pernambuco.*

ESPERANTA ASOCIO DE RIO-GRANDE-DO-NORTE. (1940). Sidejo: *Rua Borburema, 1.032. Natal. Rio Grande do Norte.*

GRUPO ESPERANTISTA DE LIMOEIRO DO NORTE. (1940). Adreso: *Caixa postal, 73. Limoeiro do Norte. Ceará.*

CENTRO ESPERANTISTA DE JUIZ DE FORA. (1940). *Rua Santo Antônio, 110. Sob. Juiz de Fora. Minas Gerais.*

CENTRO ESPERANTISTA GRANBERYENSE. (1940). *Instituto Granbery. Juiz de Fora. Minas Gerais.*

GRUPO ESPERANTISTA "FRANCISCO VALDOMIRO LORENZ". (1940). Caixa postal, 777. *Rua Henrique Porchat, 4. Santos. E. de São Paulo.*

ESPERANTO RONDETO DE TORQUATO SEVERO. (1941). Sidejo: *Vila Torquato Severo (D. Pedrito). Rio Grande do Sul.*

ASSOCIAÇÃO ESPERANTISTA DO RIO DE JANEIRO. (1942). *Rua Arquias Cordeiro, 295-sob. Meyer. Poŝtkesto* 3677. *Rio-de-Janeiro*. Telefone, 29-4581.

ESPERANTISTA KLUBO DE FLORIANÓPOLIS. (1943). *Rua Álvaro de Carvalho, 29. Florianópolis. Santa Catarina.*

PETROPOLISA ESPERANTA GRUPO. (1944). *Avenida 15 de Novembro, 1.005. Petrópolis, Est. do Rio.*

CLUBE ESPERANTISTA S. JORGE. (1944). Caixa postal 136. *Juiz de Fóra. Minas Gerais.*

ESPERANTO-KLUBO AZEREDO COUTINHO. (1945). Sidejo: *Rua Afonso Pena, 740. Belo Horizonte. Minas Gerais.*

ESPERANTO-GRUPO "ZAMENHOF" (1945). *Rua Gen. Vitorino, 146. Pôrto Alegre. Rio Grande do Sul.*

ESPERANTISTA GRUPO EMANUEL. (1945). Sidejo: 8.º B. C. *Caxias. Rio Grande do Sul.*

GRUPO ESPERANTISTA DE PARANÁ. (1945). *Rua 15 de Novembro, 384. Curitiba. Paraná.*

---

BRAZILA LIGO ESPERANTISTA

( *Liga Esperantista Brasileira*)

DIRETORIA

**Presidente perpétuo** — Eng. Alberto Couto Fernandes.

**Vice-presidente** — Dr. Carlos Guimarães Domingues.

**Secretário geral** — Prof. João B. de Mello e Souza.

**1.º Secretário** — Dr. Mário Ritter Nunes.

**2.º Secretário** — Senhorita Iraní Baggi de Araujo.

**Tesoureiro** — Sr. Odilo Pinto.

---

## Karlo, de Edmond Privat

Facila legolibro por la lernado de Esperanto

Eldono de Brazila Ligo Esperantista — Praça da República, 54. Rio de Janeiro

Prezo: Cr$ 3,00

Speciala prezo por grupoj:

12 ekzempleroj — Cr$ 30,00
25 " — Cr$ 50,00

---

## Guia de Conversação Português Esperanto e Correspondência Comercial

Compilado por *Ismael Gomes Braga*

Editado pela LIVRARIA EDITORA DA FEDERAÇÃO E. BRASILEIRA — Av. Passos,, 30. Rio-de-Janeiro. — Preço: 4$000.

Livro indispensavel a todo esperantista que deseja aperfeiçoar-se na conversação e correspondência com *samideanos* estrangeiros.

# Livros em e sobre Esperanto

| | Cr$ |
|---|---|
| Gramática Elementar de Esperanto, de A. Couto Fernandes e H. Mota Mendes | 3 |
| Vocabulário Esperanto Português, compilado por A. Couto Fernandes | 2 |
| Exercício de Esperanto | 1 |
| Coleção dos livros acima | 5 |
| Método de Esperanto, compilado por Ismael Gomes Braga | 5 |
| Esperanto sem mestre, de Ismael Gomes Braga (brochura) | 4 |
| Esperanto-Modêlo, livro de leitura, compilado por Ismael G. Braga | 5 |
| Chave do Esperanto, uma — Cr$ 1 — dúzia | 10 |
| Curso Elementar de Esperanto, por Saldanha Carreira e Luzo Bemaldo | 10 |
| Dicionário Português-Esperanto, compilado por A. Couto Fernandes, Carlos Domingues e Luiz Pôrto Carreiro Neto, encadernado — Cr$ 30, brochura | 25 |
| Dicionário Esperanto-Português, por A. Couto Fernandes e Carlos Domingues, encadernado | 25 |
| Karlo, facila legolibro, de Edmond Privat | 3 |
| Monumento de Carlo Bourlet | 4 |
| Veterano?, de Ismael G. Braga, encadernado — Cr$ 7,00 brochura | 5 |
| Amo per Proverboj (Amor por Anexins), de Artur Azevedo, tradução de A. Couto Fernandes | 2 |
| O Rádio em 16 Palestras, de E. Aisberg, trad. de A. Couto Fernandes e Carlos Domingues (3.ª edição) | 15 |
| "La Espero", hino esperantista, com música para piano | 3 |
| Ilustrita Lernolibro de Esperanto, de D. Dalmau | 5 |
| Esperanto (Série Pedro II — Coleção B). Caderno para o ensino prático do Esperanto (Dúzia Cr$ 25,00) — Um | 3 |
| La Vidvineto, romance de J. Alencar, traduzido pelo Dr. Luiz Pôrto Carreiro Neto | 5 |
| Armea Terminaro, Areonaŭtika Terminaro e Terminaro por Infan-ludoj, editados por IEL. Cada um — Cr$ 3,00, coleção | 8 |

Encomendas à Brazila Ligo Esperantista — Praça da República, 54. Rio-de-Janeiro. Os sócios da Liga teem direito a um abatimento de 10 %. As importâncias inferiores a Cr$ 20,00 devem ser acrescidas de 10 % para o porte e registro.

| | Cr$ |
|---|---|
| Curso por correspondência, elementar | 20 |
| " " " , superior | 30 |

**Peçam o Catálogo da Livraria da Federação E. Brasileira, à Avenida Passos, 30. Rio de Janeiro**

---

LIVROS EM E SOBRE ESPERANTO

PODEM SER ADQUIRIDOS NA LIGA ESPERANTISTA BRASILEIRA

e nas seguintes livrarias:

Francisco Alves—Rua do Ouvidor, 166

Livraria da Boa Imprensa, Rua da Assembléia, 35.

Livraria da Federação E. Brasileira — Avenida Passos, 30.

PEÇAM CATÁLOGO

## Que é o Esperanto?

Publicação Comemorativa do 10.º Congresso Brasileiro de Esperanto, organizado pela Liga Esperantista Brasileira e gentilmente impressa pelo Serviço Gráfico do Instituto Brasileiro de Geografia e Estatística.

Distribuição gratuita.

**Presejo: Irmãos Pongetti.**